Vᵉ JARO — Nº 49

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

20 FEBRUARO 1909

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO

Unu jaro S 1,60 (4 frankoj)
Oni abonas ĉe la lokaj agentoj, Esperanto-Oficejoj aŭ ĉe la administrejo.

Redaktejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO
Hector HODLER

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| 1 paĝo. . . | 160 S | (400 fr.) |
| 1 kolono. . | 32 » | ( 80 fr.) |
| 1/2 » . . . | 16 » | ( 40 fr.) |
| 1/4 » . . . | 8 » | ( 20 fr.) |
| 1/8 » . . | 4 » | ( 10 fr.) |
| 1/16 » . . | 2 » | ( 5 fr.) |

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo DEVICHI, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. WARNIER, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. BROWNE, 51, Wych Str., *London* ; W. C. ; KOETZ, Rathausstr., *Leipzig*.

## Nova tempo Novaj metodoj

Dum longa tempo ni turnis nin al la publiko, montrante al ĝi la ĝeneralan signifon de la problemo pri lingvo internacia, la diversajn solvojn proponitajn kaj la estontan utilecon, kiun al la tuta homaro alportos tiu nova ilo, kondiĉe ke ĉiuj enviciĝu en nia afero. Kiel procedis niaj propagandistoj, ĉu en la paroladoj, ĉu en la multegaj artikoloj verkitaj de ili? Ili komence montris la necesecon de lingvo internacia, klarigis kial (pro teoriaj kaŭzoj,) lingvo internacia povas esti nek mortinta lingvo, nek nacia lingvo, fine kial Esperanto, pro ĝia simpleco, ĝia logikeco, unuvorte ĝiaj lingvaj ecoj, kaj lastatempe, pro ĝia jama disvastiĝo, estas la sole bona solvo de la problemo, ke, konsekvence, ĉar lingvo internacia estus utilega al la tuta homaro kaj Esperanto estas plej bona solvo, ĉiu homo havas la moralan devon lerni Esperanton kaj ĝin disvastigi. Oni postulis de la publiko ian penadon por afero pure eventuala kaj estonteca ; interŝanĝe oni proponis al ĝi aŭ nenion, aŭ tute ne certajn kaj ne precizajn profitojn. Memkompreneble, oni ne povas nei, ke en la komenco, oni malfacile povas agi alie ; per tia sistemo ni, en ĝenerala maniero, varbis precipe homojn sindonajn, kiuj lernis Esperanton por ideala celo kaj pro amo al la ideo mem. Ni ankaŭ varbis, tro ofte, kun la aliaj, homojn, kiuj lernis Esperanto, ĉar ĝi estas io nova kaj originala, ĉar ĝia lingva mekanismo estas interesa, ĉar ĝia lernado havigas senkulpan distrajon ; ni ofte varbis tiujn homojn, kiuj, post la fino de sia labortago, volonte sin okupas pri Esperanto, tre interesiĝas pri teknikaj lingvaj detaletoj, sed, fakte, estas tre malmulte interesataj en la vivo internacia, sekve, ne povas uzi Esperanton. Se nuntempe kiam nia movado ekfariĝas pli konforma al sia celo, tiuj personoj nin forlasas, ĉar Esperanto jam ne liveras al ilia amatoreco tiom da okazoj por lingva diskutado, tio estas fakto normala, pri kiu ni ne devas malĝoji. Unuvorte, ni ĝis nun konsideris nian movadon kiel pure lingvan aferon ; ni do per tio vole plimalgrandigis la publikon de niaj varbotoj kaj metante antaŭ ĉio la lingvan flankon de nia entrepreno forlogis de ĝi multajn praktikajn homojn, kiuj konsentas dediĉi kelke da tempo al la lernado de Esperanto nur kiam ili alimaniere povos regajni tiun tempon.

Kiel do povas agi nun la propagandisto, kiu sin turnas al la publiko kaj konigas alĝila staton de nia movado ? Li tre malmulte parolos al ĝi pri la teoria problemo de lingvo internacia kaj ĝiaj eblaj solvoj, tre malmulte pri la dezirindeco de helpa lingvo, pri kiu neniu dubas ; li nur penos konigi al la publiko la realajon, la veran karakteron de Esperantismo. Li montros, ke por plifaciligi la ĉiam pli multajn rilatojn inter la diversgentaj popoloj, kreiĝis organizajo kiu starigis kaj starigos diversajn servojn, tuj uzeblajn de tiuj homoj, kiuj en tia aŭ alia fako partoprenas en la vivo internacia kaj bezonas rilati kun aligentanoj. Li konigos nian asocion, ĝian organizon kaj ĝiajn nunajn servojn por vojaĝantoj, por virinoj, por junuloj, por komercistoj, entute por ĉiuj personoj, kiuj estas la plej interesataj en la demando. Tiam, sed nur tiam, la propagandisto povos paroli pri la lingvo, montrante, ke ĉar la plej granda baro al la celo de U. E. A. estas la diverslingveco, tiu organizajo, kiel ĉiuj Esperantistaj organizajoj, uzas nur unu lingvon, nome la lingvon Esperanto, kies fundamentajn principojn li tiam povas klarigi kaj pri kiu la sperto pruvis, ke ĝi plenumas sian rolon en maniero tute sufiĉa. La varbitoj lernos do Esperanton por ricevi la priparolitajn servojn, ĉu ĝi plaĉas al ili aŭ ne, tute kiel oni lernas ian ajn fremdan lingvon, kaj inter pluraj formoj de lingvo internacia ĉiu saĝa homo elektos tiun, kiu estos al li la plej utila. Fine, niaj propagandistoj ne timu klare konigi la socian signifon de Esperantismo, la neeviteblan plisolidarigon, kiun rezultigas tiu senĉesa reciproka servado kaj alproksimiĝo sur neŭtrala kampo, kie ĉiuj homoj juste kaj egale interkomunikas, kiu ajn estas ilia lingvo, nacio, opinio, k. c. En tiu rilato la ekzemplo de niaj kongresoj estas plej interesa. La socia karaktero de nia movado, jam konkretigita de niaj diversaj servoj, multe pli interesos la popolamasojn, ol longaj klarigoj pri la helplingva problemo kaj ĝiaj diversaj solvoj, kiuj altiras plej ofte nur sciemulojn aŭ kelktagajn entuziasmulojn. Oni ankaŭ forlasu la blufon de la nomoj de eminentuloj, sciencaj aŭ registaraj, kiuj okaze ellasis favorajn vortojn pri Esperanto, sed praktike tre malmulte interesiĝas pri ĝi. La servoj de ni proponataj kiuj kun la tempo kaj la uzantoj, pligrandigos, estas per si mem tute sufiĉe gravaj por ke homo, kiu deziras ilin ĝui, dediĉu kelke da horoj al la lernado de Esperanto. Ni antaŭ ĉio serĉu uzontojn de niaj servoj, t. e. homojn, kiuj esperantistiĝos, por ricevi de Esperanto ian difinitan utilon, kaj, sekve, miloble pli utilos al ni, ol aroj da homoj sin reciproke batalontaj pri gramatikaj punktoj, dum la mondo, kiu zorgas precipe pri palpeblajoj, restos ekstere.

Kun U. E. A. kreiĝis ne nur plua asocio en nia movado — se ĝi estus nur tia, ĝi estus tute superflua — sed precipe novaj metodoj kaj nova agadmaniero, kiu, kiam ĝi estos konscie aplikata, kondukos al ni iom-post-iom tiujn homojn, kiuj vere bezonas lingvon internacia kaj ĝis nun staris indiferente al niaj klopodoj, simple ĉar ni plej ofte proponis al ili nur eventualajojn.

H. HODLER.

# SOCIA VIVO

## JURO

### Arbarplantado kaj senlaborado.

La arbarplantado de longe estas proponita rimedo por la senlaborado, precipe ĉe la laborista kaj socialista partioj; komence de la nuna jaro grava raporto de reĝa komisio eldoniĝis, kiu tute favoris la proponon. La reĝa komisio estas elektita el ĉiu politika partio kaj el ĉiu rango de la societo, kaj unuanima raporto de tia komisio havos grandan efekton en la parlamento. La komisio konkludis, ke la ŝtato devas entrepreni la arbarplantadon de 9,000,000 akroj ĉiujare kaj tiamaniere oni povus trovi tempan laboron dum la vintraj monatoj por 18,000 viroj el la senlaboruloj. Ĉiama laboro troviĝus por unu viro po cent akroj, tiel ke 90,000 viroj havos laboron post kiam la tuta terspaco plantiĝis. La kosto de la projekto estos S 20,000,000 po jaro, sed ĝi ne liveros profiton por 80 jaroj, kiam la arbaroj valoros S 5,620,000,000 aŭ cirkaŭ S 1,070,000,000 pli ol la originala kosto kun procento sur procento je 3 %.

W.-M. PAGE (Edinburgh).

## KOMERCO & INDUSTRIO

### La komerco de Brazilio.

Ĉiujare la komerca movado de Brazilio pligrandiĝas en la plej gravaj proporcioj. Pri tio oni facile konvinkiĝos, se oni legas la komparajn ciferojn pri la import. kaj eksportajoj dum la lastaj ses jaroj. (La unua cifero rilatas al importajoj, la dua al eksportajoj ; la valoroj estas esprimataj per milionoj da S). 1902 : 232 ; 364-1903 : 242 ; 368-1904 : 259 ; 394-1905 : 297 ; 446-1906 : 332 ; 530-1907 : 405 ; 542. Resume, la tuta komerca movado, kiu en 1902 atingis 596 milionojn da S superas nun 947. Sed tiu cifero estas kompreneble ankoraŭ tre malsupera al tiu, kiun ĝi povus atingi, se ĉiuj produktajoj de la lando estus ekspluatitaj. La eksportajoj estas liverataj precipe al Usono, poste al Anglujo, Germanujo, Francujo. Ilia detalo por 1907 liveras jenajn ciferojn : kafo. 285,6 ; kaŭĉuko 128,4 ; kakao 20 ; kotono 16,2 ; mato 16 ; tabako 12,8 ; diversaj 79. El la kafo kaj la kaŭĉuko konsistas la 4/5 de la eksportajoj.

Brazilio estas unu el la plej nature riĉaj landoj : ĉe la marbordo prosperas la plej diversaj kulturoj ; brutoj estas prizorgataj sur la platoj, kaj en multaj regionoj ekzistas gravaj minaj riĉajoj (kupro, speciale), kies ekspluatado nur komenciĝas. Por la pligrandiĝo de la komerco tre grava estas la komunikiloj. La fervojoj atingas nun longon da 18,000 km — malmulte rilate al la vasteco de Brazilio — sed multaj konstruiĝas kaj post ne longe ekzistos certe 50,000 km ; fine, kiam la necesaj laboroj estos faritaj, la riveroj estos navigeblaj laŭ longeco da ĉirkaŭ 40-50,000 km. Oni per tio komprenos, kiom da progresoj devas plenumi Brazilio por havi la komercan movadon, kiun ebligas ĝia natura riĉeco.

L. P. (Sao Paulo).

### La petrolo

En la lastaj jaroj, la produktado de la petrolo senĉese kreskis. Sensignifa en 1860, ĝi atingas nun pli ol 25 milionoj da tonoj jare. Kurioza fakto : tiun petrolon produktas preskaŭ ekskluzive nur du landoj, nome Rusujo kaj Usono. En 1905, la unua produktis 11 milionojn da tonoj, la dua 12 milionojn, sed dum la valoro de la Usona produktado atingas 178 milionojn da S, tiu de Rusujo ne superis 56 milionojn ; ĝi eĉ nuntempe plimalgrandiĝas. Kompare kun la du supraj landoj, la produktado de la aliaj regionoj estas malgrava, nur 1,600,000 tonoj, el kiuj Galicio liveras 525,000, Holanda Insulindo 400,000, Rumanujo 340,000, Japanujo 200 000, Kanado 100,000 kaj Germanujo 50,000. En Usono, la plej produktema regiono estas Pensilvanio ; la urbo Pittsburgh, nomita petrolurbo, estas la centro de tiu ekspluatado ; en Kalifornio ankaŭ troviĝas petrolfontoj. Kaŭkazo, en Rusujo, estas la alia petroladona regiono, precipe en Baku, Gresmi, Kutais. La regionoj industriaj de Germanujo kaj Britujo estas la plej bonaj klientoj por la importado de petrolo.

### La Ora produktado

La statistiko informas nin, ke dum la jaro 1907 la produktado de l'oro atingis, rilate al la ĉefaj orproduktaj regionoj, la jenajn ciferojn :

| | |
|---|---|
| Transvaala regiono. | 268,000,000 S |
| Usonaj regionoj. | 179.000,000 |
| Aŭstraliaj regionoj | 159,000,000 |
| Rusaj kaj Siberiaj regionoj | 45,000,000 |
| Meksikaj regionoj | 36,000,000 |
| Ĥinaj, Japanaj, Koreaj regionoj | 24,000,000 |
| Sud-Afriko (Rhodesia) | 23.000,000 |
| Indaj regionoj | 21,000,000 |
| Aliaj regionoj | 59,000,000 |

Laŭ tiu tabelo oni povas konstati, ke Transvaalo kaj Rhodesia fariĝis la plej orproduktaj regionoj de la terglobo ; dum la jaro 1907 la orproduktado de Transvaalo pligrandiĝis je 17 milionoj da S, kaj diras la esploristoj, restas ankoraŭ en tiuj landoj multe da neeltrovitaj trezorejoj. La produktado de l'oro, kiu en jaro 1830 apenaŭ atingis 20,000 kilogramojn, en 1905 superis 574,000 kilogramojn, t. e. dudekkvinobliĝis.

## GEOGRAFIO

### Kanalo de Ĉikago ĝis Missisipi.

En Usono, oni nun parolas pri nova grandioza projekto, nome pri kanalo el Ĉikago ĝis riverego Missisipi. La urba konsilantaro de la ĉefurbo de Michigan proponis finance partopreni, kondiĉe ke la federala registaro kanaligu Illinois'an riveron ĝis St-Louis. Per la efektiviĝo de tiu projekto, Ĉikago kaj la tuta ĉirkaŭa industria regiono estus ligata al haveno New-Orleans per grandega internlanda akva vojo. La riveraro de Missisipi provizas dudek ŝtatojn, el la plej prosperaj aŭ prosperiĝontaj el Usono ; aliflanke, Ĉikago, dank'al la grandaj lagoj, estas natura haveno de Kanado kaj estas treege grava komerca centro. Kompreneble, ĝi jam estos komunikigata kun sudaj ŝtatoj per tre multaj fervojoj, sed kanala vojo estas multe pli malkara kaj certe helpas al la fervojoj ĉar ĝi malhelpas la troan amasiĝon de la komercajoj en la stacidomoj.

F.-J.-L. (Cleveland).

### La ĉefurbo de Australio.

La elekto de la ĉefurbo de la Aŭstralia konfederacio estas unu el la demandoj, kiuj plej longatempe priokupis la federalan Parlamenton kaj elvokis plej multe da diskutoj ; ĝis nun la demando estas ne definitive solvita. Laŭ malnova decido, la loko nomata Dalgety estis elektita.

La plej gravaj urboj de Aŭstralio estas Sydney kaj Melbourne, kiuj havas pli ol duonmilionon da loĝantoj, sed ĉar inter tiuj urboj ekzistas konstanta konkurenco, oni elektis nek unu, nek alian, sed proponis starigi la sidejon de la konfederacio en neŭtrala teritorio, kiel en Usono. Dume, la Parlamento provizore kunvenis en Melbourne. Dalgety sidas proksime al la landlimo de la teritorioj de Sydney kaj Melbourne, sed ĉar Dalgety plaĉis al la dua, la parlemento de Sydney proponis alian lokon, nome Canberra, kaj la federala reprezentantaro jese decidis por tiu lasta per 39 voĉoj kontraŭ 33 al Dalgety. Stariĝas nun la demando, ĉu la Senato ne decidos ĝuste la malon. Tio estas ebla. Dum tiu tempo de diskutado, multaj parlamentanoj vizitadis, je la kosto de la trezoro, la proponitajn lokojn.

N. S. (Auckland).

### La ŝipveturado sur Volga.

De kiam la veturpago sur la fervojoj kaj riveroj estas malpli kara, la malproksimaj vojaĝoj fariĝis kutima fenomeno. Se la fervoja veturado iafoje lacigas, la rivera vojaĝo estas ne nur agrabla, sed ankaŭ saniga. Ankoraŭ prof. Zaharjin konsideris kiel la plej *bonan rimedon por resaniĝi kaj fortigi* la nervojn, elskuitajn de tro diligenta sidlaboro, la veturadon laŭ *Volga* (Rusujo) de Niĵnij ĝis Astrahanj kaj returnen ; li ofte rekomendis tion al siaj pacientoj. Efektive, la aro da komfortajoj, kiujn povas proponi la societo « Laŭ Volga », fondita en 1843, ebligas praktike konfirmi la opinion de l'fama kuracisto. Tiu kiu neniam veturadis sur riveraj vaporŝipoj, ne povas imagi, kiel plezure estas, sidante sur balkono enspiradi puran aromatan senpolvan aeron kaj sekvante la fluon de l'patrino Volga, admiri la pentrindajn vidajojn de ĝiaj bordoj kaj kuŝantaj ĉe la rivero vilaĝoj, urbetoj kaj urboj. La vaporŝipo, kvazaŭ fabela urbo, glitas senbrue sur la akvo, kaj nokte, tia surakva urbo lumas je miloj da elektraj fajroj ; dum la lunaj noktoj la vido de l'bordoj kaj de Volga mem fariĝas vere ensorĉa. La malkareco de l'vetupago estas fabeleca (27,75 S en la 1ª klaso, 17,80 S en la 2ª) por la traveturo de 2,600 kilometroj.

La societo posedas la plej bonajn sur Volga, pro la rapidirado kaj komforto, pasaĝerajn vaporŝipojn, kies unua kaj dua klaso konsistas precipe el unupersonaj kajutoj ; oni havas ankaŭ familiajn kajutojn por 2 kaj 3 personoj. Ĉi tiuj kajutoj estas donataj al la pasaĝeroj sen plia aldona pago. La Societo rajtigas ĉiun personon, aĉetintan bileton, loĝiĝi sur vaporŝipo, ne atendante la forveturon (ĉe la finaj punktoj oni trovas ĉiam la ŝipon).

Por veturado el Peterburgo oni povas veni *duvoje* : al Rybinsk tra Bologoe aŭ al Niĵnij-Novgorod tra Moskvo. La unuan vojon ni rekomendas, ĉar ĉe la samrapideco de l'veturado ĝi estas iom pli malkara krome, la pasaĝero pli longe ĝuas la akvan vojon, multe pli oportunan kaj komfortan, ol la fervojo. La elspezoj de tia veturado ne superos 100 S por la 2ª klaso kaj 130 S por la 1ª klaso. La daŭro de vojaĝo, farita el Peterburgo ĝis Astrahanj kaj returnen estas 16 tagojn la sama vojaĝo, komencita el Moskvo daŭras 14 tagojn kaj estas plej rekomendata al tiuj, kiuj deziras viziti la plej belajn partojn de l'rusaj regionoj.

A. Ŝ. (Kostroma).

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Kongreso de kristanaj Unuiĝoj.

En la jaro 1909 okazos en Barmen grandega kongreso, kiu certe pro sia internacieco interesos ankaŭ la esperantistojn. Tio estas la mondkongreso de la « Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj » (K. U. J. V.) « Kaj Kr. Un. de Junuloj ». Tiuj ĉi unuiĝoj ekzistas en ĉiu parto de la mondo kaj formas grandegan mondigon kun proksimume 7,600 unuiĝoj kaj 800,000 anoj. La kongreso daŭros de la 28 de Julio ĝis 2 Aŭgusto. Kaj estas sendube grandioza festaro kun multaj ĉiulandaj partoprenantoj.

Certe ĉiu komprenos, kiun utilon nia lingvo povus alporti al tiu ĉi kongreso por la plifaciligo de la interkompreniĝo. Oni facile imagos la grandecon de la kongreso, se ni konsideras ke oni elektis komitatojn por loĝejoj kaj nutrado, por la financoj, por la akcepto, aranĝo de diservoj kaj evangelizaj kunvenoj, ekskursoj, muziko, gazetaro kaj eĉ por la konservo de la ordo ĉe la grandaj aranĝoj. La mondkongreso jam de 25 jaroj ne estis en Germanujo, kaj ĉie, kie ĝi okazis, ĝi lasis tre fruktodonajn postsignojn ; al la honora komitato aliĝis jam proksimume 100 eminentuloj el Elberfeld kaj pli ol 80 el Barmen. Honoraj prezidantoj estos verŝajne la ĉefurbestroj kaj S-ro sekreta komerca konsilanto Schwienvind,

Estas por ni fakto tre ĝojiga, ke la esp. movado vastiĝas inter la K. U. J. V. kaj K. U. J. kiuj komencas kompreni la utilon de Esp. por internacia ligo kaj precipe por mondkongreso. Sed bedaŭrinde multaj el iliaj estraroj, precipe la centra komitato en Ĝenevo ne ekkonis tiun gravecon kaj eĉ rifuzis la akcepton de nia lingvo kaj malpermesila aranĝon de esp. kunveno kiel parton de la kongresprogramo. Tial S-roj Harteva, Reidelt, Hübner, Boch, Schneeberger, kaj Evstifeieff skribis de nia Dredena kongreso novan leteron al la centra komitato de K. U. J. V. per kiu ili klarigis la ĝisnunan disvastiĝon de Esp. kaj ĝian gravecon por la dezirita celoj. Responde la centra komitato promesis priparoli la peton en sia venonta kunsido. Ni esperu, ke ili ĉitiufoje pli bone komprenas kaj helpos la klopodojn de la esp. propagandado inter K. U. J. V. Sendube ili tute konvinkiĝus, se kiel eble plej multaj el la kongresanoj parolus Esp. Tial estas plej grave, ke oni konigu Esp. ĉe. K. U. J. V. Certe en ĉies urbo ekzistas unu aŭ kelkaj tiaj unuiĝoj, oni klarigu al ili la necesecon, utilon, gravecon kaj facilecon de Esp. kaj aranĝu instruajn kursojn en iliaj rondoj. Kiam oni trovos okazon interrilatiĝi kun tiuj unuiĝoj, oni postulu tuj specimenajn numerojn de la Esp. gazeto por K. U. J. V. S-ro G. Hübner Muhlheim a Rhein, Germanujo, Friedrich-Wilhelmstr, 66. Kiu kun mirinda sukceso penas por Esp. inter la nomitaj unuiĝoj.

Se ni prosperus, veki la intereson de tiu ĉi grandega mondligo, al kiu Esperanto povas estis tiel utila, precipe por la kongreso certe per tio la disvastiĝo de nia lingvo ricevus grandan helpon. Neniam forgesu se vi propagadas Esp. inter K. U. J. V. en via urbo atentigi pri la tre utilaj praktikaj servoj de U. E. A. Tiam faru ne nur Esperantistoj sed Esperantianoj.

R. CARNAP (Barmen).

∴

### La Jubileaj festoj en Aŭstrio.

Dum 1908, estis aranĝitaj diversaj jubileaj agoj kaj festoj por glorigi la maljunan 78 jaran imperiestron. Tendenco de ĉiuj estis laŭdinda ; ĉar certe ĉiu deziras ĝojon kaj bonfarton al la Wiena monarko, kies vivo ne estis ĝojigata per hazardoj.

Dounue en Wien, fine de majo, la Theater en der Wien, volis aranĝi serion de prezentadoj de slavaj teatroj, sed tiu projekto estis ne efektivigita pro germana kontraŭstaro.

La 14 majo estis malfermita en Praha jubilea ekspozicio, pri kiu jam estis parolite en tiu jurnalo ; ĝis fini la 15 oktobro, havinte 2,500,000 vizitintojn kaj malgrandan deficiton, proksimum 230,000 S. La 12 Junio en Wien la kondukantoj de partio kristan-socialista aranĝis solenan jubilean procesiegon de ĉiuj nacioj loĝantaj en Aŭstria duono de la imperio, vere ĉiuj nacioj (naŭ) estis invititaj, sed unu rifuzis partopreni, nome ĉehoj. Estis "splendid isolation". La aranĝintoj havis financan deficiton da 460.000 S, ĉar la vizito de fremduloj tute ne respondis la esperojn. La aranĝo de la procesiego estis tute kutima sen novaj ideoj koncerne ornamoj kaj stilo.

Pli serioze povas esti diskutata jena jubileajo ;

La 7 majo en Wien korporacie gratulis al imperiestro 17 germanaj registoj kondukitaj de imperiestro Vilhelmo II. Ĉirkauita de siaj vasaloj, la germana imperiestro per parolado salutis la Austrian imperiestron.

Ĉu ĉeestis kortega pentristo, kiu la scenon konservus por posteuloj, oni ne scias. Imperiestro Francisko Jozefo plenumis tre precize ĉiujn formojn de gastameco, sed certe en la koro li ne povis malaperigi diversajn sentojn.

La maljuna imperiestro certe ne forgesis, ke estis tempo, kiam li deziris similan kongreson de germanaj registoj kaj sin vidi en loko de Vilhelmo. Sed la avo de la oratoro de 7 majo rifuzis veni al tiu kongreso kaj per tio nuligis ĉiujn tiamajn planojn. Efektive, la 17 Aŭgŭto 1863 Francisko Jozefo, kiel prezidanto de la « Deutscher Band » kunvokis en Frankfurton la historian kongreson de registoj, la memorinda « princotago ».

La Prusa reĝo, kvankam invitita, ne venis, ĉar lin jam influis la granda kanceliero Bismark, kiu energie penis forteni sian reĝon de la kongreso. La planoj de la Austria imperiestro estis nuligitaj. Nun ni scias, ke la mal-

sukceso de la kongreso en Frankfurt estis feliĉo por la Austriaj nacioj. En tute, la ceremonio lasis en Wieno malmultan impreson; pri tiu gratulado la Wienaj gazetoj.

Multe parolis, sed jam la trian tagon nenion diris.

S. K. (Praha).

## AERVETURADO

### Flugmaŝinaj eksperimentoj.

La nuna sezono ne estas tre favora por la eksperimentoj de la aerveturiloj, sed tuj ĉe la printempo novaj rekordoj estos plenumitaj. Lastatempe, okazis en Berlino antaŭ multnombra ĉeestantaro, inter kiu korteganoj, provoj de la flugmaŝinisto Zippel, sed, pro la malvarmo kaj diversaj akcidentoj, ili ne plene sukcesis. Kelkan tempon poste, la flugmaŝino plenumis kelkajn mallongajn flugojn. Aliparte, la ĝisnuna rekordulo de la flugmaŝina veturado, W. Wright, translokiĝis siajn eksperimentojn en Pau Sud-Francujo kaj tie jam faris kelkajn flugojn.

En Monako, la anoncita flugmaŝina konkurso jam malfermiĝis; dek aparatoj estas enskribitaj, sed ĝis nun okazis nenia eksperimento; la konkurso daŭros ĝis la 24a de Marto.

Oni aliparte anoncas, ke en Frankfurt a/m., okazos dum la somero Internacia Aerveturа ekspozicio, en kiu partoprenos la plej famaj aerŝipistoj kaj flugmaŝinistoj.

Signo de l'tempoj! En Francujo, la progresoj neatenditaj de la flugmaŝina scienco naskis multenombrajn jurnalojn kaj revuojn dediĉitajn al aerveturado; kio antaŭ unu aŭ du jaroj estus elvokinta nur mokojn. Unu el tiuj progresamaj gazetoj, *L'Aero* publikigas eĉ regulan rubrikon en Esperanto, komprenante la gravecon de nia afero por aerveturado kaj reciproke.

## La Faktoj

*16 Jan., Palermo.* — Alveturo de l'usona vaporŝipo Bayern, kiu donas helpon al la forkurintoj el Mesino.

*Milano.* — Tutmonda lukta konkurso.

*Stokholmo.* — Alveturo de esploristo Sven Hedin, reveninta el Thibeto.

*17. Romo.* — Mortis fama kantistino Mario de Macchi.

*19. Vieno.* — Aŭstria ministraro decidas la starigon de itallingva fakultato en Wien, ne en Triesto.

*Usono.* — Solena centjarfesto de la naskiĝo de Edgard Poe.

*20. Parizo.* — P-ro Monod prezentas al la medicina akademio serion de verkoj pri la kontraŭ tuberkloza serumo de Marmorek.

*Ĉikago.* — Grava brulado en la laboroj por la akvokonduko ĉe la Granda Lago.

*21. Romo.* — Mortis G-lo Saletta, eksstabestro de Italujo.

*22. Ĉilio.* — E. Charme starigis novan ministraron.

*Atlantiko.* — Ektuŝego de vaporŝipo Republic kaj Florida; la unua malflosiĝis.

*Romo.* — Mortis pentristo Cesare Biseo.

*23. Mesino.* — Alveturo de la Usona vapor ŝipo Celtik.

*Peterburgo.* — La maristara juĝistaro kondamnas G-lon Alexeieff je la eksiĝo kaj monpuno da 1,000 $.

*24. Monako.* — Komenco de la granda flugmaŝina konkurso.

*25. Torino.* Mortis pentristo Morgari.

*26. Parizo.* — Striko de la kompostistoj linotipistoj.

*27. Parizo.* — Mortis aktoro Coquelin maljuna.

*28. Parizo.* — Solena akcepto en la akademion de matematikisto Poincarré, kiu anstataŭas Sully Prudhomme.

*30. Torino.* — Solena inaŭguro de la VIa aŭtomobila ekspozicio.

*Peterburgo.* — Eksiĝo de Schapphausen, ministro de la vojoj.

*31. Berlino.* — Manifestado por la universala balotrajto.

*2 febr. Konstantinoplo.* — Protokolo pri la interkonsento aŭstro-turka.

*3. Romo.* — Mor.is kardinalo S. Cretoni.

*Capetown.* — Capetown estos la sidejo de la Deputataro kaj Pretoria tiu de la registaro de la Sud-Afrika konfederacio.

*Caracas.* — Subskribo de komerca kaj naviga traktato inter Germanujo kaj Venezuelo.

*5. Kopenhago.* — Aprobo de la traktatoj de Danujo kun Usono, Svedujo kaj Norvegujo.

*6. Romo.* — La ministraro decidas fini la sieĝstaton en Mesino kaj eksigi la Deputataron.

A. Tellini.

## NUNTEMPAĴO

# REĜA VIZITO EN BERLINO

*Edvardo VIIa en Berlino; lia elveno; vizito al la urbestrejo; pacaj impresoj*

Berlino, 9a de Februaro.

Denove Berlino havis la privilegion akcepti reĝan vizitanton. La fakto estis, ĉi tiun fojon, tiom pli ke la vizitanto estis la reĝo de Anglujo, kaj ke tiun viziton oni ambaŭflanke konsideris kiel gravan signon de amikeco kaj reciprokaj bonaj rilatoj inter ambaŭ popoloj. Cetere paroli pri politiko internacia ne estas la celo de tiuj kelkaj linioj; mi nur volas doni al la leganto kelkajn impresojn pri la alveno de reĝo Edvardo en la ĉefurbo.

Frumatene, la urbanaro ekmoviĝas; la vetero estas bela: iom da suno, kiu momente briletadas, nenia vento, malvarmo ne tro kruela por la atendantoj. Kompreneble, la lernantoj havas libertempon. La personoj, kiuj ne havas karton, la plej multaj, premiĝas ĉe la stacidomo Lehrter, aliaj apud Lindenstrasse. Sur tiu vojo, je la deka matene, regas la plej vigla movado. Kirassoldatoj staras antaŭ la palaco de la kanceliero, kiun aŭtomobilo tuj kondukos al la stacidomo.

La « Lindenstrasse » — la plej fama strato de Berlino — prezentas gajan aspekton; ĉie pendas ornamoj, girlandoj, flagoj britaj kaj germanaj kunplektitaj; precipe la hoteloj estis riĉe ornamitaj; la Brandenburger Thor kovras anglaj standardoj.

Sur la estradoj de Pariser Platz la rigardontoj estas treege premataj sed malgraŭ la malvarmo, neniu plendas kaj pacience eltenas. Rapide, veturas aŭtomobile la imperiestro, princoj kaj korteganoj al la stacidomo por la akcepto al la reĝo. Kompreneble, multaj fotografistoj kaj fotografantoj pretigas sian aparaton por la solena momento, kiam pasos la regnestroj. La urbestro, S-ro Kirsebner, kaj aliaj urbestraranoj staras subtendo lokita antaŭ la estradoj. Ili akompanas dekdu honorfraŭlinojn, sur kies blankaj mufoj, troviĝas rozkolоraj diantoj, ĉar, oni diras, tiun floron preferas reĝo Edvardo.

Sed tuj aŭdiĝas la muzikistaro; la popolamaso definitive premiĝas, kaj aperas la ĉevalaj lancosoldatoj, kiuj brile eskortas la sekvantaron. La karoso de la reĝo kaj de la imperiestro haltas antaŭ la tendo, kie la urbestro de Berlino deziras al la vizitantoj la plej koran bonvenon. Tuj post kiam reĝo Edvardo dankis per afablaj vortoj, junulino, kiu havas garbon de floroj, prezentas ĝin al reĝedzino Alexandra, kiu estas en la dua veturilo. Denove, marŝas la sekvantaro kaj ĉiuflanke laŭtiĝas aklamoj kaj aplaŭdoj, naztukoj kaj flagetoj agitataj; el la estradoj la Angloj logantaj en Berlino kriegas « Hip! Hurah! » entuziasme; same la urbanoj laŭtigas Hoch! hoch! (vivu!). Dum ne longa momento, ni povas ekvidi reĝon Edvardo, en uniformo de germana generalo, kiu sidas flanke de la Imperiestro, en uniformo de brita marŝalo, laŭ la interŝanĝa tradicio de tiuj ceremonioj. Post la reĝa veturilo, sekvas multaj aliaj, sed fermitaj. Laŭ la tuta longeco de la vojo, la sekvantaro marŝas inter du vicoj de gardosoldatoj. Ĉio havas plej solenan kaj grandiozan aspekton; nur multaj personoj, kiel en ĉiuj similaj cirkonstancoj, vidis ĉion, escepte la reĝon..., sed kompense ili poste rigardas la ornamajojn.

La sekvantaj tagoj estis dediĉitaj al oficialaj ceremonioj, baloj, festenoj, pri kiuj nur malmulto estas raportinda. La plej ŝatita el tiuj ceremonioj estis la vizito, kiun faris la reĝo al la urbestrejo, laŭ la invito de la urbestraro. Ĉiuj oficialaj altranguloj ĉeestis, ankaŭ eminentuloj el la komerciistaj rondoj. Junulino prezentis al la reĝo honorvinon (Steinberg el 1868), kaj interŝanĝe, la reĝo afable dankis kaj esprimis sian plezuron pri la vizito kaj la esperon, ke la rilatoj inter ambaŭ landoj estos ĉiam tre bonaj. Samaj vortoj estis diritaj ĉe la solena festeno kaj ripetitaj de la reĝo al la delegitoj de la brita kolonio en Berlino.

La foriro de la reĝo kaŭzis malpli grandan feston, ol la alveno; cetere la malvarmo estis pli akra kaj malhelpis tre grandan popolamasiĝon. La adiaŭoj estis tre koraj, kaj ĉiuj oficialuloj ŝajnis videble kontentaj de tiu vizito, kiu pliproksimigis ambaŭ popolojn per iliaj reprezentantoj. La gazetaro, ĉu brita, ĉu germana, esprimis saman opinion, ke por la Eŭropa paco tiu vizito povas multe helpi, tiom pli, ke samatempe oni eksciis pri la interkonsento franco-germana rilate al la Marokaj aferoj. Ni esperu, ke ĉio bone finiĝis.

L. K.

## INTERNACIAJ DOKUMENTOJ

# LA AŬTORA PROPRECO

Multaj personoj scias neprecize, ke ĉiu aŭtoro de arta, scienca aŭ literatura verko havas ne kontesteblan rajton de propreco rilate al la produktajoj de sia penso, sed oni mal ofte scias, el kio konsistas ĝuste tiu rajto kaj en kiuj landoj ĝi ekzistas. Precipe tiuj Esperantistoj, kiuj volonte tradukas kaj... publikigas Esperante la verkojn de tia aŭ alia verkisto ankoraŭ vivanta aŭ mortinta de ne longa tempo, ne sciante, ĉu ili bezonas peti permeson, bonvolos legi kelkajn vortojn pri tiu demando.

La aŭtora propreco, rilate al artaj verkoj, diferenciĝas de la ordinara propreca rajto, per tio, ke ĝi estas nur provizora privilegio aŭ monopolo kaj ke ĝi estas ankaŭ plenrajte uzebla, nur se difinitaj leĝaj formalajoj estis plenumitaj. Tiu propreco, en la plej multaj regnoj, estas protektata de leĝoj, kiuj estas malsamaj de lando al alia rilate al la detaloj, sed havas komunan fundamenton. Resume, ĉie, kie ekzistas tia leĝo, aŭtoro havas proprecon pri siaj verkoj dum sia tuta vivo, kaj post lia morto, liaj heredantoj ricevas tiun rajton dum tempolimo, kiu varias laŭ la landoj (Francujo 50 jaroj, Svisujo 30 jaroj). Dum tiu epoko, neniu havas la rajton represi, traduki aŭ publikigi verkon sen la permeso de ĝia aŭtoro aŭ de liaj heredantoj. Se tiu permeso estas farita, la tradukanto, adaptanto aŭ eldonanto pagas al la aŭtoro difinitan monsumon, fiksitan laŭ la nombro de presotaj ekzempleroj aŭ per speciala kontrakto. Se ne, li estos leĝe persekutata kaj kondamnata al monpuno; tio aplikiĝas ne nur pri verkoj kiel libroj, sed ankaŭ pri teatrajoj, muzikajoj, en tute ĉiuj pensaj produktajoj. Post la tempolimo fiksita de la naciaj leĝoj, la verkoj apartenas al la societo mem, kaj ĉiu povas libere ilin traduki, adapti, represi, k. c.

Tiu rajto estas vere efika, nur se ĝi estas protektata ne nur en la propra lando de l'verko sed ankaŭ en la aliaj. Jam en la mezo de la XIXa jarcento diversaj regnoj kontraktis por malhelpi la imitojn de ia landa verko en alia lando, kaj en 1886 kreiĝis en Berno Unio por la literatura kaj arta protektado, al kiu nun aliĝis nun 15 regnoj: Belgujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Japanujo, Hispanujo, Granda Britujo, Luksemburgo, Haitio, Monako, Norvegujo, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio. Tiu kontrakto estis kompletigita per aldonajo subskribita en Parizo (1896) kaj fine estis revizita de dua konferenco, kiu kunvenis en Berlino oktobro 1908, kaj kies decidoj valoros de 1910.

Jen la ĉefaj paragrafoj de tiu tre grava traktato, kiu leĝe valoras en la supre cititaj verkoj:

§ 2. — La esprimo « verkoj de literaturo kaj arto » celas ĉiujn produktojn de literaturo, scienco kaj arto, sen konsidero pri la maniero aŭ formo de ilia plimultigo, nome: libroj, broŝuroj kaj aliaj skribajoj; la verkoj dramaj aŭ dramo-muzikaj, la verkoj de dancarto kaj pantomimo, kies enscenigo estas fiksita per skribajo aŭ alimaniere; la verkoj muzikaj kun aŭ sen paroloj; la desegnajoj, pentrajoj, arĥitekturajoj, skulptajoj, gravuraĵoj kaj litografiajoj; ilustrajoj, kartoj geografiaj; la planoj, skizoj kaj plastikajoj pri geografio, topografio, arĥitekturo aŭ sciencoj. Tradukajoj, alfarajoj, muzikaj aranĝajoj kaj aliaj reproduktajoj, aliformitaj el verko literatura aŭ arta, kiel ankaŭ la kolektoj el diversaj verkoj, same estas protektataj kiel verkoj originalaj, sen prejudico por la rajtoj de l'aŭtoro de la verko originala.

La kontraktantoj estas devigataj certigi la protektadon de la supre nomitaj verkoj. La verkoj artaj, aplikataj en la industrio, estas protektataj tiel, kiel permesas tion la interna leĝaro de ĉiu lando.

§ 4. — La aŭtoroj el unu el la ŝtatoj de l'Unio ĝuadas, en la landoj aliaj ol la origina lando de l'verko, por siaj verkoj, ĉu nepublikigitaj, ĉu publikigitaj la unuan fojon en lando de l'Unio, rajtojn, kiujn donas nun aŭ donos estonte la leĝoj al la nacianoj, kiel ankaŭ rajtojn speciale donatajn de ĉi tiu konvencio.

La ĝuado kaj ekzerco de tiuj rajtoj ne estas alligitaj al iu ajn formaleco; tiuj ĝuado kaj ekzerco estas sendependaj de l'ekzisto de protektado en la origina lando de l'verko. Konsekvence, malgraŭ la kondiĉoj de tiu konvencio, la etendo de la protektado kiel ankaŭ la helprimedoj garantiataj al la aŭtoro por savi liajn rajtojn regulіĝas ekskluzive laŭ la leĝaro de la lando, kie li demandis protekton.

Kiel origina lando de l'verko estas konsiderata: por nepublikigitaj verkoj la lando al kiu apartenas l'aŭtoro; por publikigitaj verkoj la lando de la unua publikigo, kaj por verkoj publikigitaj samtempe en diversaj landoj de l'Unio, tiu lando inter ili, kies leĝaro akordas la plej mallongan daŭron de protektado. Por la verkoj publikigitaj samtempe en fremda lando kaj en lando de l'Unio, ĉi tiu lasta lando ekskluzive estas konsiderata kiel origina lando.

Laŭ la nuna konvencio oni devas konsideri kiel verkojn publikigitajn la verkojn eldonitajn. La reprezentado de verko dramatika aŭ dramatika-muzika, de verko muzika, la ekspozicio de arta verko kaj la konstruado de arĥitektura verko ne valoras kiel publikigo.

Art. 5. — La anoj de unu el la landoj de l'Unio, kiuj publikigas la unuan fojon siajn verkojn en alia lando de l'Unio, havas, en ĉi tiu lasta lando, la samajn rajtojn kiel la aŭtoroj naciaj.

Art. 6. — La aŭtoroj ne apartenantaj al unu el la landoj de l'Unio, kiuj publikigas la unuan fojon siajn verkojn en unu el ĉi tiuj landoj, ĝuadas en tiu lando la samajn rajtojn kiel la aŭtoroj naciaj, kaj en la aliaj landoj de l'Unio la rajtojn akordatajn per la nuna konvencio.

Art. 7. — La protektado akordata en tiu konvencio daŭras dum la vivo de l'aŭtoro kaj kvindek jaroj post lia morto. Ĉiufoje, en kazo kiam tiu daŭro ne estus akceptita uniforme de ĉiuj landoj de l'Unio, la daŭro estos reguláta per la leĝaro de l'lando, kie la protekto estos postulata, kaj ĝi ne povos superi la daŭron fiksitan en la origina lando de l'verko. Konsekvence la kontraktlandoj aplikos la konvencion al la antaŭa alineo nur laŭ mezuro de la interna leĝaro.

Por verkoj fotografaj kaj la verkoj foritaj per procedo analoga al la fotografo, por verkoj postmortaj (aperantaj post la morto de la aŭtoro), por verkoj anonimaj aŭ pseŭdonimaj, la daŭro de la protektado estas regulata per la leĝaro de l'lando, kie la protekto estas postulata, sen ke tiu daŭro povas superi la daŭron fiksitan en la origina lando de l'verko.

Art. 8. — La aŭtoroj de verkoj nepublikigitaj, apartenantaj al unu el la landoj de l'Unio kaj la aŭtoroj de verkoj publikigitaj la unuan fojon en unu el tiuj landoj, ĝuadas, en la aliaj landoj de la Unio, dum la tuta daŭro de l'rajto al la originala verko, la ekskluzivan rajton por traduko aŭ tradukigo de siaj verkoj.

Art. 9. — La romanfelietonoj, novelo kaj ĉiuj aliaj verkoj, ĉu literaturaj, ĉu sciencaj, ĉu artaj, kia ajn estas ilia enhavo, publikigitaj en la jurnaloj aŭ periodaj gazetoj de unu el la landoj de l'Unio, ne povas esti reproduktataj en la aliaj landoj sen la konsento de l'aŭtoroj.

Ekster la romanfelietonoj kaj la noveloj, ĉiu jurnala artikolo povas esti reproduktata, se la reprodukto ne klare estas malpermesita. Ĉiam la deveno devas esti nomata; la konstato de tiu ĉi devo estas determinata de la leĝaro de l'lando, kie la protekto estas postulata. La protektado de la nuna konvencio ne aplikiĝas por ĉiutagaj novajoj aŭ diversajoj, kiuj havas la karakteron de simplaj informoj de la gazetaro.

Art. 12. — Inter la malpermesitaj reproduktadoj, al kiuj aplikiĝas ĉi tiu konvencio, troviĝas speciale la alproprigoj nedirektaj, ne aŭtorizitaj de verko literatura aŭ arta, tiaj kiel alfaroj, aranĝoj de muzikajoj, transformadoj de romano, novelo aŭ versajo por teatrajoj, kaj reciproke, k. t. p., kiam ili estas nur reproduktajoj de tiu verko, en sama formo aŭ en alia formo, kun ŝanĝoj, aldonoj aŭ deprenoj ne gravaj, kaj sen prezenti la karakteron de nova verko originala.

En tiu kontrakto diversaj rezervoj estis faritaj por ebligi aliĝon de novaj regnoj, sen ke ili bezonas subite ŝanĝi sian internan leĝaron pri tio.

Resume, se vi, loĝanta en unu el la landoj de la Unio, publikigas ian verkon originalan kaj deziras konservi rilate al ĝi viajn rajtojn de propreco, konsultu la leĝaron de via lando por enregistrigi vian verkon; per tio mem, samtempe, sen formalajo, havos vian rajton propreco en ĉiuj 15 de l'Unio. Pri la landoj ekster la Unio, ekzistas diversaj reĝimoj kaj kontraktoj inter kelkaj el ili, sed principe, ke la rajto estu protektata, estas necese, ke la aŭtoro enregistrigu sian verkon en la ĉefurbo de la lando, kie li volas a ĝui tiun rajton. Tion ne faras multaj aŭtoroj, kaj tio klarigas la fakton, ke, precipe en kelkaj Amerikaj respublikoj, oni tre facile represas aŭ tradukas verkojn de Eŭropanoj, sen permeso, ĉar tia permeso estas absolute neutila, se la verko ne estis enregistrita en la lando mem.

Tiuj linioj povu utili al niaj samideanoj, kiuj sen permeso tiel volonte Esperantigas por gazetoj naciajn aŭtorojn! — Kio pro nuna malklereco de la tribunaloj rilate al Esperanto, ne havas gravan efikon, sed tamen povus iam ilin rememorigi, ke leĝoj estas ankaŭ keblaj ankaŭ a l'Esperantajoj...

J. S.

## AVIZOJ AL NIAJ LEGANTOJ

**La abonoj de multaj personoj finiĝas kune kun tiu numero; tion ni montras per la litero F. skribita sur la banrolo de ĉiu abonanto, kies abono estas finita. Por eviti malfruigon en la ekspedo kaj neutilan tempoperdon, ni tre petas, ke ĉiuj personoj, kies abono finiĝis, bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ sian abonpagon (1.60 $) al nia administrejo aŭ al niaj agentoj. Tiu klopodo estas senpene farebla kaj multe plifaciligas nian laboron. Personoj, kiuj deziras reaboni, resendu la jurnalon.**

Niaj legantoj povas kaj devas esti niaj bonaj kunlaborantoj. Ni plezure akceptos artikolojn pordla diversaj rubrikoj de nia gazeto (ĝeneralinteresaj informoj pri komerco, industrio, geografio, turismo, juro, eduko, aerveturado, kongresoj & manifestadoj, vorte ĉio, kio koncernas socian vivon kaj vas ĝeneralan signifon). Tradukoj de plej naj naciaj aŭtoroj estos ankaŭ plezure akceptataj por nia felietono, sed versajojn ni pre ne enpresos. Ni speciale petas, la D Subdel, kaj diversfakajn konsulojn de U.E. ke ili bonvolu kunlabori en nia gazeto.

Ĉiuj manuskriptoj estu legeble skribitaj, unu flanko de l'papero, kiun oni bonvolu ŝpari...

Pro la pligrandiĝo de nia gazeto, nia laboro multe pligraviĝis. Ni tial petas pardonon provizora prokrasto en nia korespondado, pro eraroj, kiuj neeviteble kaŭzas ŝanĝoj presisto kaj ekspedisto.

ESPERANTO

FELIETONO DE "ESPERANTO"

# LA LASTAJ FOLIOJ

DE

K. S. BARANCEVIĈ

Vera sidis, mallevinte la kapon. Ŝiaj brovoj estis kuntiritaj.

— Kiom li similas Sergion, ĉu ne vere? — demandis Olga.

— Hm! Mi ne scias, al mi ne ŝajnas!

— Kiel! Sed la okuloj? Rigardu, — tute, tute brunaj!

Vera ankoraŭ plie mallevis la kapon.

— Kaj tiu rideto manierо...

— Nu, kiuj detalajoj! Ne por ĉiu ili estas rimarkeblaj! — respondis Vera.

— Tamen mi ilin vidas! Ne, ne dira tion! Patra portreto! Nu, infanoj, iru, kuradu.

— Ĉu baldaŭ, panjo, ni komencos enpakigi? — demandis Sonjo.

— Baldaŭ, baldaŭ!

— Finokaze mi ankaŭ iros enpaki miajn pupojn.

— Kaj mi — la ĉevalon! — diris Paŭlĉjo. — Ĉu ni prenos kun ni la ĉevalon?

— Jes, jes! Iru, pretiĝu!

La infanoj prenis sin je la manoj kaj forkuris rekte tra herbejo, al la domo. La patrino dumlonge rigardis post ilin, ekspiris feliĉe kaj kun dolĉa rideto kliniĝis al la ŝultro de sia fratino.

— Veranjo, kara mia, venu ĉe nin!

— La fratino neige skuis la kapon.

— Vi tute simple bezonas distrajojn. Estas terure, kio ĉi tie fariĝas vintre!... Kiam estos glitveturila vojo, — venu. Ni ne havas, Dio scias, ĉion, sed almenaŭ estas urbo. Ni vizitados konatulojn, klubon! Veranjo, venu, karulino! Ni vin gajigos!...

— Kaj la lernejo? Vi ja mem diris.

— Nu, kio — la lernejo! Du, tri semajnoj, ne estas grave! Ĉu vi venos, jes?

— Mi nenion bezonas, mi nenien veturos! — respondis Vera.

— Ĉu efektive ne estas melankolio via nuntempa animstato?

— Lasu!... Tamen fariĝas malsekete... Ni povas malvarmumi...

— Jes, jam estas tempo! Mi havas tiom por enpaki!... Kaj vi?

— Mi ankoraŭ promenos. Ne timu pri mi!

Olga sin levis de la benko kaj foriris laŭ la aleo per tiu aparta, malrapidigita kaj grava iradmaniero, kiun oni vidas ĉe gravedaj virinoj. Vera rigardadis post ŝin.

— Ah, imagu! — ekkriis la fratino, revenante. — Mi estas perdinta Sergi'an fotografajon! Vi memoras, kiun li sendis printempe... Mi traserĉis la tutan komodon, kestojn, ĉiun angulon, — nenio. Mi eĉ ekpensis, ĉu ebie ĝi falis en la manojn de Sonjo.

— Nu, pro kio ŝi ĝin bezonus?

— Mi ne scias! Mi serĉu ankoraŭ! Ĉu vi baldaŭ venos, — mi ordonos pri la teo?

— Bone!

Kiam la fratino malvidiĝis post la arboj, Vera sin levis, kunpremis la fingrojn tiom forte, ke ili ekkraketis, kaj kun esprimo de malĝojo kaj malespero ŝi foriris antaŭen, en la profundajon de la parko. Ŝi iris malrapide, klininte la kapon. La lastaj, defalintaj folioj kroĉiĝadis al ŝia vestajo, bruetadis sub la piedoj. La suno estis subirinta, kaj la okcidenta parto de la ĉielo estis helflavkolora. Super la nudaj arbaj pintoj, kun malgaja kriado, flugis aro da korvoj. La malseka tero kaj la folioj odoris pri ŝimo. En la aero fariĝis pli malvarme.

Vera subite haltis, eligis el sia poŝo fotografajon de viro ĉirkaŭe 35-jara kaj dumlonge ĝin rigardis.

Jen li estas, la edzo de ŝia fratino, ŝia Sergio.. Li staras en malpena pozo, sin apogante al kameno; liaj belaj, brunaj okuloj rigardas, kvazaŭ vivaj. Amato, karulo! Ĉu vi scias, per kia varmega amo al vi batas ĉi tiu kompatinda koro de maljuna virgulino? Ĉu vi aŭdas, kiel ŝi murmuretas vian nomon? Ĉu vi vidas, kiel ŝi kisas vian figurajon?... Karulo! Vi, kiu senscie igis bati tiun silentiĝintan koron, vi — plej bona el la plej bonaj homoj en la mondo!... Ho, kiel bruligas tiu amo al vi, kiun brulan, netolereblan doloron ĝi kaŭzas... Ami, — kiun? Edzon de amata fratino! Ami, — kaj ne kuraĝi diri tion malsekrete, kaj kaŝi, kaŝi profunde en la animo. Neeldirita, ne karesita amo, — ĝi estas amo al malvivulo. Sole pro tio ensin por la povas freneziĝi...

« Kion fari. Dio mia, kion fari? » — murmuretis Vera, rompante siajn delikatajn, palajn fingrojn.

— Suferi — diris al ŝi interna voĉo, — al neniu, al nenia viva animo malĉermante vian sankte jon, — eĉ nek al vi mem. Sufoku, dispremu vian senton, elŝiru ĝin el la koro. Tiu homo estas por vi mortinto. Profunde, profunde en la animo konservu la rememoron pri li kaj — ploru, se vi povas...

Grandaj larmeroj, unu post la alia, ruliĝadis el la okuloj de Vera, kaj premanta malĝojo ĉirkaŭkaptis ŝian animon.

Seŭ subite ŝi fiere levis la kapon kaj forviŝis la larmojn.

— Ĉi estas solvita kaj finita — ŝi diris al si mem, — mi ĝin malestigos, malestigos aŭ... — Ŝi sin ekvidis ĉe la bordo mem de la lageto. Apenaŭ rimarkebla, dubeblanka nebulo malsupreniĝadis sur ĝin supraĵon. Larĝe disbreskintaj salikoj trempadis en la akvosiajn nudajn branĉetojn.

Vera dumlonge stariskaj rigardis la lageton; la malvarmo de aŭtuna nokto kvazaŭ komunikiĝis al ŝiaj membroj, — kaj tremfrosto trakuris ŝian dorson.

Ŝi ree eligis la fotografaĵon kaj malrapide, kvazaŭ ĝuante siajn animturmentojn, komencis ĝin disŝiri en pecetojn kaj jeti en la akvon. « Jen la lastaj folioj, — la lastaj rememoroj pri li. Neniam, neniam plu mi ekvidos vin, mia karulo. Vi estas por mi mortinto. Eniĝi en min mem, en miajn librojn, en la lernejon, ankoraŭ pli forte ekami la mizerajn, vilaĝajn ĉinojn... Jen kio estas bezona. Jen la tasko de mia vivo. Helpu, Dio mia, ĝin plenumi...

« Vera rapide iris al la domo. Jen ĝi estas, proksime.. Tra la nudaj arbaj trunkoj kaj arbetaj branĉoj, tra la malseketaj pro malvarmo fenestroj kvazaŭ malbrilaj fenestroj lumigis lampa flamo, kaj ĉirkaŭ manĝotablo, kun bolanta sur ĝi samovaro, aperetadis siluetoj de la infanoj kaj de Olga.

Vera eniris la ĉambron trankvila kaj kvieta, kiel ĉiam.

El rusa lingvo trad.

Dro Andreo Fiŝer (Tifliso).



# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

( U. E. A. )

## OFICIALA INFORMILO

. Bolingbroke-Mudie, *Prezidanto.*
. Hodler, *Vicprezidanto.* Fako Iª : *Administrado* (8, rue Bovy-Lysberg, Ĝenevo).
h. Rousseau, Fako IIª : *Financoj.*
. Carles, Fako IIIn : *Konsuloj.*
, Blaise, Fako IVn : *Esperanto-Oficejoj.*
. Schmid, Fako Vª : *Turismo.*
)ro M. Kandt, Fako VIª : *Komerco & Industrio.*
. Rockmann. Fako VIIª : *Junuloj.*

### Fako Iª : ADMINISTRADO

*Gravaj Avizoj.*

⁂ Sufiĉe multaj el niaj Del., Subdel. kaj korespondantojn, plendis pri la diverseco de la adresoj de niaj komitatanoj, kiu plimalfaciligas ilian laboron, pligrandigas la poŝtelspezojn kaj kaŭzas maloportunaĵojn en niaj servoj. Tial, por eviti de nun, tiun fakton, *ĉiuj korespondaĵoj pri ĉiuj fakoj de U. E. A. devas esti adresataj al* : ESPERANTIO, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo), el kie ili estos tuj komunikataj al la kompetentaj komitatanoj.

⁂ Nia servo por ekspedo de Esperantiaĵoj estos ankaŭ plibonigata. De nun, ĉiuj mendoj estas akurate plenumataj kaj sendataj senpere el la presejo de U. E. A. Novaj leterpapero kaj kovertoj estos presataj, laŭ la unua eldono.

⁂ La Oficiala Jarlibro aperos la 20an de Februaro ; ĝi enhavos pli ol 60 paĝojn kaj kostos nur 20 Sd. La mendintoj ĝin tuj ricevos. Niaj Del. kaj Subdel. estas tre petataj klopodi por ke kiel eble plej multaj membroj posedu tiun necesegan verkon.

⁂ Niaj insignoj estas elĉerpitaj. Novaj estas nun en fabrikado kaj estos pretaj post kelka tempo. Ili estos similaj al la antaŭa modelo, sed iom plimalgrandaj kaj el tre bona kvalito.

⁂ Ni rememorigas, ke nia propaganda broŝureto en Esperanto jam aperis kaj estas ricevebla je 10 ekz. po 0,20 *S* ; 50 ekz. *S* 0,80 ; 100 ekz. 1,50 *S*. Nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj por trafe montri al ili la ĝisnunan agadon de U. E. A. Traduko itallingva de tiu broŝureto estas nnu en presado.

*Paroladoj pri U. E. A.*

Ni tutkore dankas la personojn, kiuj, laŭ la alvoko aperinta en nia lasta No, sin proponis por laŭ bezone fari paroladojn pri U. E. A. Ni rememorigas, ke estas necese, ke por diskonigi siajn servojn, ĉu al la publiko esperantista, kiu ilin ne konas, ĉu al la publiko ne ankoraŭ esperantistigita, nia Asocio havu pretan aron de paroladistoj ĉiulingvaj, kiujn ni povus proponi al la Del., grupoj, k. c., kiuj dezirus konigi U. E. A. en sia loko, aŭ estigi Esperanto-movadon en la lokoj, kie ĝi ne ekzistas ankoraŭ. Ju pli da tiuj paroladistoj ni havos, des pli facile ni povos efike agadi. Ni do tre petas ĉiujn personojn, kiuj iam paroladis pri Esperanto kaj estus pretaj paroladi speciale pri U. E. A. kaj ĝia praktika signifo, laŭ plano liverota de ni, ke ili nepre bonvolu sin konigi al ni. Ili ankaŭ bonvolu konigi al ni en kiaj rondoj ili povas pli speciale paroladi (sciencaj, komercaj, turismaj, laboristaj, k. c.) kaj doni al ni referencojn, t. e. citon de la paroladoj, kiujn ili jam faris. Estas plej dezirinde, ke en ĉiu regiono ni havu kelkajn tiajn poroladistojn. Ni publikigos ilian nomaron, kiam iu Del., grupo k. c. deziros organizi paroladon pri U. E. A., ĝi bonvolu sin turni al ni, tiel ke ni povu proponi al ĝi taŭgan paroladiston. Krom plano kaj, laŭ necese, konsiloj, ni tre esperas, ke ni baldaŭ povos provizi ĉiujn niajn paroladistojn per nacilingvaj propagandaj broŝuretoj pri U. E. A., malkare disvendotaj, aŭ disdonotaj al la publiko (vidu sube). Kiel oni vidas, tiu subfako, se niaj amikoj bonvolos nin helpi, povas esti tre grava por la progreso de nia U. E. A.

*Oficiala Jarlibro de U. E. A.*

Tiu verkojam de longe atendita, aperos en la unuaj tagoj de februaro. Pli bone ol ĉio, ĝi trafe montros la laboron plenumitan de U. E. A. en ok monatoj, kaj la rezultatojn, kiujn ĝi atingis. En la unua parto estas detale klarigataj ĉiuj servoj, la maniero ilin uzi, la tasko de niaj Del., Subdel. & konsuloj ; la grava demando pri la rilatoj de U. E. A. kun eksteraj Esp, aŭ neesp. organizaĵoj estas ankaŭ funde traktata ; sekvas la nomaro laŭalfabeta de ĉiuj lokoj, kie estas Del., Subdel. kaj nomaro poregiona tre utila.

Posedi tiun libreton estas la *devo* de ĉiu Esperantiano, ĉar nur per ĝi li havos ideon pri la tuta funkciado de U. E. A. kaj ĝiaj jamaj servoj.

*Gazetaro.*

La jenaj gazetoj aperigis lastatempe artikolon pri U. E. A. : *Daily Chronicle, Halifax Gazette, Montrose Standard, Sheffield Daily News, Union Républicaine, le Bavard, l'Eclair, Réveil du Centre, Petite Gironde, F. de Neuchâtel, Suisse Libérale, le Petit Havre, Davoser Zeitung*, k. c. krom tio multaj notetoj, informoj, en diversiokaj gazetoj,

⁂ En *Germana Esperantisto* estis malfermita konstanta rubriko pri U. E. A., redaktata de nia komitatano Dro Kandt ; *Estlanda Esperantisto* enpresis litoye la paroladon de la Vicprez, de U. E. A. en Dresden.

**Novaj Subdelegitoj.**

Aleksandrio (Egipto). — Corporal Lee (Army service Corps ; British Headquarters).

Altenburg i-S. (German). — S-ro P. Kreutzmann (Lossenerstr, 2).

Auerbach i-V. (German). — S-ro O.-E. Petzold (Plauenxhestr, 6).

Birmingham (Anglujo).— S-ro F.-W. Hipsley (154 South Rd, Erdington).

Bluff (Nov-Zelando). — S-ro J.-L. Field (Esperanto-Cottage).

Bodenbach (Bohem.).— S-ro Max Schonher.

Brighton (Angl.). — S-ro J. Henry Vagg (North Str).

Bruges (Belg.). — S-ro E. Van Weyenbergh (Bourg-Leopold).

Bystrice-Hostyn (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Th. Čejka.

Cahors (Lot-Franc.). — S-ro S. Roy (prof kolegia).

Coimbra (Portugal.). — S-ro S. de Carvalho (Largo do M. de Poinbal, 10).

Danilovgrad (Montenegro).— S-ro Popoviĉ-Ĉupiĉ.

Gmund (Aŭstrio). — S-ro K. Lanz.

Harmanli (Bulgar.). — S-ro Pavel Markov.

Hildesheim (German.). — S-ro W. Gellert (Spichernstr, 13).

Jaranaki (Nov. Zelando). — S-ro G. Fraser (Phura Rd).

Lisboa (Portugal). — S-ro R. Horner (R. das Gaivotas, 6).

Lübeck (German.). — S-ro G. Klefe (Unterstr, 8).

Mantes (S.-&-O. Franc.). — S-ro Poulard.

Manzanillo (Kubo). — S-ro G. Puiz Mestre (Apartado, 29).

Melbourne (Aŭstralio). — D-ro S.-M. Burney (2, Alfred Sq. St-Kilda).

Norwich (Angl.). — S-ro R.-W. Cook (Victoria Str),

Paris (Franc.). — S-roj G. Chavet ; G. Warnier ; de Coppet ; Balliman ; Colas ; Duviard ; F-ino Gerard ; F-ino Royer.

Portland (Maine, Usono). — S-ro H. Harris (130 Congress Str).

Rezende (Portugal). — D-ro Costa e Almeida.

Richmond (Va, Usono). — S-ro J.-B. Spiers (301, South Pine Str).

Sheffield (Angl.). — S-ro M. Pearson (56, Bannerdale Rd).

St-Nicola (Kreto). — S-ro Tzamparlis (tradukoficejo Larithi).

Uzes (Gard, Franc.). — S-ro A. Sarnette (26 R. Masbourguet).

Westholme (Vancouver, Kanado). — S-ino A. Wicks (Maple Lodge).

Zagreb (Kroatio). — S-ro M. Spiĉer (Kaĉiĉeva ul. 21).

Entute 501 lokoj kun 232 del. kaj 324 subdel.

*Ŝanĝoj :* La Del. de *Krakow* estas nun S-ro S. Rudnicki (Kopernikst, 17) ; la Subdel. en *Khartoum* estas nun S-ro H. Abu Fadil (Sudan Bookstore) anstataŭ S-ro G. Lee, nun Subdel. en *Aleksandrio.*

### Fako IIª : FINANCOJ

*Monata Raporto Etato de la Fiancoj je la 1an de Februaro 1909*

| | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Fako Administrado | 201,25 | 16,47 |
| Fako Financoj | 83,76 | 29 |
| Fako Esperanto-Oficejoj | 11,12 | 34,68 |
| Fako Junuloj | 6,72 | 26,42 |
| Sumo | 302,85 | 106,77 |
| En kaso la 1an de januaro 1908 | 54,58 | |
| En kaso la 1an de februaro 1908 | | 250,86 |
| Bilanco | 357,43 | 357,43 |

*La enspezoj dum monato januaro superis la antaŭviditajn enspezojn je S 100.*

La Komitatano por Financoj.
Th. Rousseau.

### Fako III : KONSULOJ

*Novoj konsuloj.* I (ĝeneralaj informoj), J (junuloj), V (Virinoj), K (komerco), M (maraferoj).

*Barcelona :* S-ro A. Sabadell. I ; S-ro Rosals, I ; S-ro Bausells, K ; S-ino Rosals, F-inoj Freixas, Rivera, V ; M. Terrer, J. — *Milano.* S-ro P. Padullti, I ; S-ro L. Cattorini, K ; B. Padulli, J ; F-ino E. Sceolo, V. — *Hamburg :* S-ro W.-A, Vogler, K ; R. de Ladeveze, J ; S-ino E. Jinchel, V. — *Hannover :* S-ro P. Tarnow, J ; S-ino Tiedehen, V. — *Savannah :* S-ro J.-H. Parker, K ; S-ino Thonnesen, V.— *Wilna :* S-ro K. Niewenglovski, K.

*Maraferaj konsuloj.*

Ĉar baldaŭ U. E. A. entreprenos specialajn klopodojn laŭ tiu direkto, ni petas, ke niaj Delegitoj aŭ Subdelegitoj, kiuj loĝas en marhavenoj, bonvolu elekti specialan konsulon por maraferoj.

### Fako Vª : TURISMO

*Pri hoteloj.*

Kelkaj personoj demandis nin, ĉu Esperantiaj hoteloj kaj entute ĉiuj Esperantiaj komercejoj ricevos specialan plakon elmetotan ekstere, kiel por la Turing-Klubaj societoj. Tiun demandon ni povas jese respondi kaj post kelka tempo povos doni pri ĝi pli multe da detaloj, sed, antaŭ ol ekpensi pli plako, estas necese, ke, unue, Esperantiaj hoteloj... ekzistu, t. e. ke en ĉiu iom grava urbo, troviĝu unu hotelo, ĉe kiu iu parolas Esperante. Niaj Del. & Subdel. bonvolu efike klopodi pori tiu punkto. (vidu « Oficiala Bulteno ».

*Gvidfolioj.*

Specimena gvidfolio estos sendata tiun semajnon al ĉiuj Delegitoj & Subdelegitoj de U. E. A. kun nova klariga cirkulero, kiu ope respondos ĉiujn demandojn, kiujn ni ricevis pri tiu tempo. Ni de nun povas diri, ke tia gvidfolio estas preparata en pli ol 40 urboj.

Ni esperas, ke multaj aliaj grupoj ankoraŭ akceptos nian proponon post la sendo de la specimeno.

### Fako VI : KOMERCO & INDUSTRIO

*Al niaj komercaj konsuloj.*

Ni petas niajn komercajn konsulojn, ke ili bonvolu regule sendi al ni informojn pri komercaj & industriaj okazantaĵoj de sia regiono, kiuj havas ĝeneralan intereson, kiel ekspozicioj, foiroj, novaj industrioj, la boristaj movadoj, novaj komunikiloj, k. c.

*Reklamo.*

Kelkaj Del. & Subdel. ne ankoraŭ respondis, ĉu en ilia urbo estas starigita servo por disdonado de reklamiloj ; ili bonvolu tion fari plej baldaŭ. Ni ripetas, ke tiu servo konsistas simple en tio, ke ĉiu Del. & Subdel. devas firme promesi, ke kiam li ricevos reklamilojn Esperante redaktitajn senditajn de entrepreno aliĝinta al U. E. A., li disdonos aŭ disdonigos ilin al la Esp.-istoj de sia loko, speciale ĉe la grupaj kunvenoj. Reciproke, ĉiu komercisto kiu deziras konigi siajn produktaĵojn, ĉu en la tuta mondo, ĉu en difinita regiono, sendu pakaĵon da ili (de 500 ĝis 10,000) al S-ro Scnveiwer, Moresnet-Neutre, subfakestro, kiu zorgos pri la dissendado. Tiu grava servo estos farata nur al la firmoj aliĝintaj al U. E. A., kaj pagintaj 2 *S*. Niaj komercaj konsuloj estas petataj kiel eble plej diskonigi tiun servon al la komercistoj de sia regiono.

## ESPERANTIAJ INFORMOJ

*Grava Avizo.* — Tiuj informoj estu redaktataj *mallonge* kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 7ª kaj 22ª de ĉiu monato. Ni ĉefe petas deniaj Del. kaj Subdel. informojn pri lo stato de U. E. A. en ilia regiono, la praktikaj aplikaĵoj faritaj per ili kaj lokaj okazantaĵoj prezentantaj ĝeneralan intereson, laŭ la vidpunkto de U. E. A. En la fine de ĉiu jaro nia gazeto difinos *premiojn* por la aŭtoroj de la plej interesaj kaj oftaj komunikoj.

**Angers** (Franc.). — La Del. komunikas al ni, ke dum la dua semestro de 1909, okazos en lia regiono grava *aerveturada semajno ;* inter aliaj, okazos flugprovo inter Angers kaj Saumur (96 kil. ir-reire), konkurso de direkteblaj aerŝipoj, kaj, fine, la internacia konkurso por la pokalo Gordon-Bennett por aerveturado, jam multaj monoferoj estas promesitaj. Estas do dezirinde, ke kiel eble plej multaj Esperantianoj ĉeestu tiun gravan manifestadon kaj io speciala estu organizata por ili. Ni pli poste reparolos pri tiu interesa demando.

**Avignon** (Fran.). — Antaŭ multenombra ĉeestantaro nia samideano Privat faris aplaŭditan paroladon pri Esperanto kaj ĝia utileco per U. E. A. Sekvis grava intereso por nia afero.

**Bad Godesberg.** (German.). La Esp. grupo en Bad Godesberg je Rejno (Germanujo) laboris kun granda energio, por ke ilia loko fariĝu « Rejna Esperantujo ». kaj nia laboro ne estis vana. Jam nun ni povas inviti la samideanojn, viziti nin dum la somero kaj restadi en la « Rejna Esperantujo ». Por tio Bad Godesberg estas tre konvena ; ni atentigu nur pri du faktoj : 1e, ke Godesberg estas ĝardeurbo, kiun vizitas ĉiujare multaj miloj da fremduloj el ĉiuj landoj, krom Germanoj precipe Francoj kaj Angloj ; kaj 2e, ke sur la alia bordo de la Rejno leviĝas la mondo konata. « Siebengebirge » (Sepmontaro). Por Esperantistoj nia loko estas aparte konvena. Ili trovos tie-ĉi 2 Esperanto-Oficejojn de U. E. A., en la « Verkehrsbureau » (Oficejo de la Asocio por interkomunikado) kaj en la librejo de S-ro Jung. La Delegitoj de U. E. A. kaj la konsulino por virinoj estas pretaj helpi ilin laŭ pove. Ili trovos pensionojn kaj magazenojn, en kiuj oni parolas Esperanton ; ni eĉ havas policanon, kiu povas montri al ili la vojon per Esperanto. En kelkaj minutoj oni povas veturi al Bonn, en malpli ol unu horo al Koln kaj Siegburg, en kiuj tri urboj ankaŭ ekzistas Esperantistaj grupoj.

Do ni petas : Samideanoj, vizitu dum la somero multnombraj la « Rejnan Esperantujon », ĉu, se vi veturos al la kongreso, ĉu alie ! Skribu al ni, se vi havas tiun intencon !

Ĉiu, kiu interesiĝas pri la « Rejna Esperantujo », petu pro la Esperanta Gvidfolio tra Bad Godesberg la sekretarion de la grupo, S-ron stud. Max Butin, Kronprinzenstr. 33, kiu donas ankaŭ volonte ĉiujn aliajn informojn !

**Beaune** (Franc.). — La Delegito informas nin, ke ĉi tie estis starigita komitato, kiu intencas konstrui monumenton por la memoro de fama sciencisto Jules Marey kaj kiu kolektas la mondonacojn de ĉiulandaj personoj. La jurnaloj *Internacia Scienca Revuo* kaj *Voĉo de kuracistoj* entenas favoran artikolon pri tiu temo kaj ankaŭ akceptas monoferojn el siaj legantoj. Jules Marey naskiĝis en Beaune.

**Béziers** (Franc.). — Laŭ la instigo de S-ro Carles, komitatano de U. E. A., S-ro Privat ankaŭ vizitis Béziers kaj faris en ĝi ŝatitan paroladon pri Esperanto kaj la praktika signifo de U. E. A ; ĉiuj lokaj gazetoj plej favore raportis pri ĝi kaj nia Asocio.

**Bukarest** (Ruman.). — La Del. S-ro Giu glea, starigis du Esp. Oficejojn (cal. Victoriei 37, Cal Victoriei 78), kie iu parolas Esp. ankaŭ troviĝas sur la ĉefa strato ; li ankaŭ starigis Esp. bierejon sur Bd Academiei, kie kunvenas samideanoj.

**Cahors** (Franc.). — Parolado de S-ro Privat pri Esperanto kaj U. E. A. Nia kunlaboranto, S-ro Roy. ankaŭ parolis kaj aludis la gravecon de nia Asocio.

**Chaux-de-Fonds** (Svis.). — La Esp. grupo de Chaux-de-Fonds decidis en sia ĝenerala kunveno de la 20 Januaro, ke ĉiuj ĝiaj aktivaj membroj deve ankaŭ aniĝu al la Svisa Esperanta Societo kaj al *Universala Esperanto-Asocio.* Tute imitinda ekzemplo.

**Coln** (German.). — Kelkaj membroj partoprenis je la festo Esp. en Moresneto. Nia afero kreskas. Je la ĉefkunveno, S-ro Deimann, Vicdel, parolis pri la progresoj de Esp. lasta tempe.

**Como** (Ital.). Nia Subdel., S-ro Monti, vigle klopodas por U. E. A. en sia regiono, tiel vizitata de eksterlandanoj. En Milano, nia afero ankaŭ ekpenetras. Gvidfolio de Como aperos.

**Falun** (Sved.). Nia Delegito, S-ro Skog, sendas al ni interesajn informojn pri sia loko : « Falun (11.000 loĝ), ĉefurbo de la provinco Dalarne, estas malnova urbo, konata pro siaj kupraj minoj. Tiu mino, eltrovita en la 12ª jarcento, iam estis unu el la plej riĉaj kupprominoj de la mondo. Tre interesa estas la malsupreniro en la minon, tre ŝatata de la svedoj kaj eksterlandaj turistoj. Vintre, plej bonaj okazoj por freŝigaj vintrosportoj, precipe skiglitado kaj skisaltado. La urbo havas novkonstruitan, artefaritan deklivon por skisaltoj, en kiu ofte estas aranĝataj konkursoj. Facilaj komunikoj ĉien. Rekomendata estas veturo al la historiaj kaj naturbelegaj lokoj Raltŭk kaj Leksand apud la ĉarma lago Siljan, « la koro de Svedujo ». Tiuj lokoj estas tre vizitataj de turistoj. Se oni antaŭe al la Esp-Oficejo konigas sian alvenon, iu konsulo de U. E. A. iros renkonte al la stacidomo kaj ĉiel helpos la novveninton. Ĉiuj samideanoj estas kore invitataj al la kunvenoj de la Esp-Klubo, la 1an kaj 3an lundon de ĉiu monato, je 8h15 v. Stigaregatan 10. Kelkmonata kurso por membroj, precipe por laboristoj, jus finiĝis kun bona rezultato. La Esp-Oficejo estas ĉiam malfermata ; ĉiutage konsulo estas en la Oficejo je 4-5h p. t. ; se eble venu tiam. Ĉiulandaj samideanoj ! Venu vintre al Dalarne, al Falun, kaj vi ne pentos ! » Jen organizaĵo kaj kompreno de Esperantismo, kiun devas al preni ĉiuj niaj Del.

**Magdeburg** (German.). — Per la laboro de nia kunlaboranto, S-ro Rockmann, pli ol 40 personoj aliĝis al U. E. A. Diversloje artikolo pri U. E. A. aperis en la grava « Magdeburgische Zeitung » ; gvidlibro tra Magdeburg estis eldonita, ĉiuj servoj estis organizitaj. Okaze de la kongreso, la Del. ricevis diversajn vizitojn de Esp-ianoj, kiuj plezure uzis liajn servojn. La Del. nun fondis Esp. tablorondon por siaj helpantoj kaj Esp-ianoj. La kunvenoj okazas merkrede, je 9h kafejo Peters. Tio donas ĉiam bonan okazon pritrakti la aferojn de U. E. A. Gastoj estas kore invitataj.

**Marseille** (Franc.). — Nia ĝisnuna fervora Del. S-ro Rapine, devis eksiĝi pro troa laboro ; lin anstataŭas S-ro Rebonillon, Vicdel. Ni deziras esprimi nian dankon al S-ro D-ro Rapine pro la diligenta helpo, kiun li tuj de la komenco alportis al U. E. A. ; efektive, la grupo de Marseille estas la unua, kiu elektis Delegiton por nia Asocio. En sia rondiro, S-ro Privat ne forgesis Marseille, kie li faris pri Esp. kaj U. E. A. paroladon, kiun favore raportis la gazetaro.

**München** (German.). — La Internacia *Mono-Societo*, pri kiu detale parolis nia kunlaboranto Schmid en tiu No, aliĝis al U. E. A. kiel *Esperantia entrepreno ;* ĝi eldonos tre baldaŭ broŝurojn en Esp. Ni havos la okazon ofte reparoli pri la klopodoj de tiu organizaĵo, tiel interesa el la vidpunkto de U. E. A. Notinde estas, ke ĝis nun, la korespondado kun tiu societo fariĝis per Esp. kaj loka Del. de U. E. A. ; nun ĝi korespondos senpere en Esp.

**Nice** (Franc.). S-ro Privat paroladis pri Esperanto kaj U. E. A. kun granda sukceso ; ni esperas, ke ni baldaŭ havos subdel en tiu ĉiekonata regiono.

**Paris** (Franc.). En sia lasta no, l'Avenir Musical (36, rue Vivienne) ree publikigis favoran artikolon pri Esperanto kaj U. E. A.

Aperante ĝustatempe post la taŭgega verko de nia fervora samideano G. Kolowrat (Faut-il réformer l'Esperanto ?), la broŝuro *Pourquoi l'Esperanto?* dediĉita al la konsuloj de U. E. A. vekis grandan intereson inter niaj ĉi-tieaj kunbatalantoj. Efektive, ĝi estas vigle, sprite skribita, klare montranta ke *nun* Esperanto estos *fakto*, kaj ke la veraj progresemuloj ne devas perdi sian tempon per vanaj kritikoj, sed nur utiligi la lingvon. (Sm. 0,10, ĉe Presa Societo, 33, rue Lacépède).

Tio estas la programo mem de U. E. A

**Paris** (Franc.). — La administra konsilantaro de la Pariza grupo kunvenis la 29 Jan. La Prezidanto legas la raporton de la komisio elektita por ekzameni la raportojn de la grupo kun U. E. A. : la komisio opinias, ke la grupo ne devas resti ekster la agado de tiu Asocio kaj proponas submeti al U. E. A. la elekton de ok Del., el kiujunu centra Del. La konsilantaro unuanime akceptas la konkludojn de la komisio kaj elektis la jenajn Del : S-ro Chavet centra Del, Balliman (komerco), A. Colas ; de Coppet (ĝen-informoj), Duviard (junuloj), F-inoj Gérard kaj C. Royer (virinoj), S-ro G. Warnier (ĝen. informoj).

Paris-Esperanto.

⁂ Pro trasloĝiĝo, S-ro Colas (10, rue Béranger) fariĝas Orienta VD ; F-no Gérard (9, rue d'Armaillé) plenumas saman rolon en Okcidento, kaj F-no Royer (14, rue des Carmes) en Sudo. La diritaj F-noj estos samtempe konsulinoj por Virinoj. Dank' al tiuj ĉi sindonemaj personoj, Parizo estas nun plene provizita.

Plie, Presa Societo 33, rue Lacépède, estas de nun Oficejo de U. E. A., ĉe kiun oni povas sendi aliĝojn, abonojn, k. ĉiujn ajn mendojn.

**Praha** (Bohem.). — La klopodoj de niaj du Del. (S-roj J. Hradil kaj Krauss) havis kiel rezultaton la aliĝon de sufiĉe multaj Esperantianoj en tiu grava urbo. Somere, niaj Del. havis tre ofte fari servojn al la trapasantoj speciale antaŭ kaj post la Dresdena Kongreso; ĉirkaŭ ducent samideanoj vizitis Praha'n kaj ĝian interesan ekspozicion. Ĉiuj servoj de U. E. A. estas nun organizitaj, laŭ la montroj de niaj cirkuleroj.

**Thun** (Svis.). — Tiu urbeto (6.000 loĝ) estas ĉiujare trapasata demultegaj turistoj, kiuj iras vizitadi la mondfaman Bernan Oberlandon. La Esp. grupo de Thun aliĝis ĉiujn siajn membrojn al U. E. A. La Del. (S-ro Hildenbrand) elektis kiel konsulojn S-ron Kuns (komerco) kaj Ullmann (Virinoj).

Thun estas proksima al nia *Esperantia Eldorado*, en *Adelboden*. Ni do povas esperi, ke multaj estos la Esp-ianoj, kiuj trapasos Thun, ironte somerresti en Adelboden.

**Toulouse** (Franc.). — Sekve de la bela parolado farita de S-ro E. Privat pri Esperanto kaj U. E. A., la grupo organizis du kursojn, kiuj estas tre vizitataj. La urbestraro voĉdonis monhelpon da 120 *S* por la Toulouse'a grupo.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### U. E. A. kaj internaciaj lingvoj

Unu el niaj Delegitoj skribas, ke estas malfacile varbi membrojn en sia regiono, ĉar la estroj de la grupo forlasis Esperanton kaj aliĝis al « *Universal* ». Ni uzas la okazon por unu fojon plie klarigi, ke ni esperas *tre malmulte* de tiuj personoj, kiuj konsideras internacian lingvon nur kiel ion dezirindan por la tuta homaro kaj sinsekve lernis Volapükon Esperanton, Ildon, Neutral, Universal, k. c... Ni turnas nin al la homoj, kiuj, kvankam pensante pri estonteco, antaŭ ĉio ŝatas estantaĵojn kaj realaĵojn. Oni prezentu al tiuj personoj la *servojn*, kiujn ili povas ricevi el U. E. A. kaj oni plej malmulte parolu al ili pri la teoria problemo de iu internacia lingvo, kaj la membroj de nia Asocio, kiuj konstante uzos tiujn servojn, ne pli forlasos nin pri tiu aŭ alia lingva opinio, ol angle forlasos la anglan nacieco kaj rifuzos partopreni en la angla vivado, ĉar li opinias, ke la lingvo angla ne estas la plej perfekta aŭ la plej simpla, aŭ ĉar li ŝatas alian lingvon kaj decidis ĝin lerni.

### Kial Esperantio ?

Diversaj personoj demandis, kion signifas la vorto *Esperantio* kaj kial ni ĝin uzas. Ni do ripetas, ke *Esperantio* (nova radikvorto) estas nur mallongigo por « *Universala Esperanto-Asocio* ». Tiu mallongigo estas tre oportuna, ĉar ĝi ebligas regulan derivadon de la adjektivo tre ofte necesega : *Esperantia* (= kiu rilatas al U. E. A.), de la membro : *Esperantiano* (= membro de U. E. A.), k. c. Plie ĝi estas facile tradukebla en ĉiujn naciajn lingvojn, preskaŭ senŝanĝe (Esperantia, Esperantie). Fine en la derivaĵoj, ĝi estas pli oportuna, ol U. E. A. (komparu U. E. A-ano kun Esperantiano). Cetere, la plej multaj el niaj amikoj ĝin jam uzas, pro ĝia oportuneco kaj mallongeco.

### Pri la kotizaĵo de U. E. A.

(*Respondo al D-ro W. Robin, Del. Varsovio*)

Tre estimata kunlaboranto, Via propono, farita per letereto en no 45 de « Esperanto » al la U. E. A. Delegitoj, ke ili plimalgrandigu aŭ eĉ tute nuligu sian parton de la kotizaĵoj, miaopinie, ne estas akceptinda — *principe*. Al mi ŝajnas tre ĉelkonforma. ke la Delegitoj, laŭ nia regularo, restigas ian ajn parton de la membrokotizaĵoj al si por diversaj neeviteblaj elspezoj (poŝtkartoj, poŝtmarkoj k. t. p.), ĉar tia farmaniero starigas la tutan aferon sur justan kaj solidan bazon.

Tamen mi estas certa, ke la plimulto de niaj Deligitoj ne elspezos la tutan restantan al ili monon, kaj mi ne dubas. ke ili resendos la reston al la Centra Kaso post la jarfino ; eble — kiel monoferon. Sed *la rajto* pri 33 % de la kotizaĵoj devas esti konservata por ebligi al la Delegitoj eventualan plivastigon de ilia agado kaj propagandadon de U. E. A., — kio ĉiam postulas plimalpli senteblajn monelspezojn.

Aliflanke mi dezirus atentigi miajn estimatajn kolegojn pri alia fonto de eblaj monenspezoj je la profito de nia Centra Kaso : la U. E. A.-Delegitoj havas ja rabaton ĉe la Esperanto-Librejo de S-roj G. Warnier kaj ko ; do, mendante plej eble multe da libroj kaj disvendante ilin meze de Esperantianoj laŭ nominala prezo (aŭ eĉ iom pli malkare), ili povos ricevi ioman profiton, kiu *sendiskute* devas aparteni ne al ili mem, sed al la Centra-Kaso. Ĉu ne vere ?

Kun kora manpremo.

D-ro Andreo Fiŝer, Del. (Tiflis).

Rilate al tiu demando, ni opinias, ke prave la regularo difinis 1/3 de la kotizaĵo al la Del. & liaj helpantoj, ĉar ne ĉiu Del. povas pagi el sia propra mono la elspezojn por poŝto, propagando, k. c. Cetere, tiu punkto estis ĝenerale aprobita. Se Del. sendas al la Centra Kaso la tutajn kotizaĵojn, anstataŭ la 2/3, ni konsideros la restantan monsumon kiel *privatan* donacon de Del., kies nomo estos enskribata en la listo de la mondonacantoj. Tio ĉi estas do pure privata afero de niaj Del.

## MONDONACADO

POR LA

### SUFERANTOJ DE SICILIO KAJ KALABRIO

*PLENA LISTO*

| | |
|---|---|
| Esperantistoj, Amsterdam. | ₷ 10.»» |
| Esperantistoj, Nordhausen. | 4.90 |
| S-ino Stevanini, Verona | 2.»» |
| Esperanto-Societo (anoj de), Bromberg. | 12.»» |
| S-ro Bresson, Bastia. | 8.»» |
| Sumo kolektita en Le Creusot. | 26.70 |
| Sumo kolektita en Beaune (grupo, 2); Fromageot, 4; Marin, 0,40: Bord, 0,20; Cyrot, 0,20; Piou, 0,20; Rousseau, 2; Urba Lernejo, 2,10. | 11,10 |
| Sumo kolektita en Praha (Hradil). | 5.60 |
| Sumo kolektita en Firenze (Hall, 4; Guaiteno Baynes. 4; C.-A. Viterbo, 4; C. Malan, 2; Brandeburg, 2; U. Cicetti, 2; U. Bellini, 2; M. Caudy, 2; R.-A. Sullivan, 1,20; Fungo, 0.80; D-ro Giuletti, 2; M. Rivera, 2; L. Feroni, 0,40; M. Selir, 1,20; Prof. Alicante, 0,60; R. Verzetti, 0,40; A. de Spada, 0,60; I Caudi, 0,20; S. Stadesi, 0,20; A. Spada, 0,40; R. Cirri, 0,80; L. Del Re, 0,20; V. Costanzi. 0,60; Pioppa, 2; Gatteschi, 1,20; Esp-istino, 1,60; Grafo Mennini, 0,80; C. Nati, 0,80). | 40.»» |
| Gefrataro Esp. Napola. | 8.»» |
| S-ino Carnap, Barmen. | 10.»» |
| Sumo kolektita en Magdeburg. | 10.40 |
| Sumo kolektita en Neuchâtel (Stroele, 8; C. Stroële, 10; X., 0,40; Y., 0,40; F-ino Straub, 1,20; J. Wenger, 0,80; F-ino Breguet, 12; anonimulo, 2; L.-C. J., 2; N. H., 0,80; A.-C. J., 0,80; F-ino Robert, 1,20; S-ino A. Lauterburg, 2; E. R., 0,40; G. Stroele, ; anonimuloj, 9,80). | 51,80 |
| E.-X. J., Lille. | 0.80 |
| Sumo kolektita en Le Havre. | 10.»» |
| Sumo kolektita en La Rochelle (S. M., 2; E. M., 2; M. L., 2; T. B., 0,40). | 6,40 |
| Sumo kolektita en Glascow (Maclaren). | 7.50 |
| Esperanto, Genève. | 4.»» |
| Sumo kolektita en Douai (P. Degon, 4; E. de Prat, 4; S-ino de Saint-Quentin, 4; A. Humez, 2; F-ino Lezon, 4; E. Stein, 0,40: P. Bavay, 0,40; L. Humez, 0,40; G. Borahend, 0,40; F-ino Génie, 0,20; Devred, 0,40; A. Florin, 0,40; M. Devaud, 0,40; H. Mathurin, 0,40). | 21.40 |
| S-ino Cathiard, Paris. | 8.»» |
| Sumo kolektita en Barcelono (Sabadell). | 36.»» |
| C. Escobes, Galahorra. | 6.14 |
| Sumo kolektita en Marseille. | 2.80 |
| Sumo kolektita en Edinburgh | 73.77 |
| Sumo kolektita en Kettering. | 70.»» |
| Sumo kolektita en Bradford (Priestman). | 35.75 |
| Sumo kolektita en Bengtsfors (C. Winberg). | 4.72 |
| *Sumo.* . . | 267.79 |

Ni tutkore dankas la personojn, kiuj bonvolis respondi nian alvokon kaj la Delegitojn, kiuj aranĝis la monkolektojn. Kvankam nia alvoko aperis iom malfrue kaj multaj samideanoj estis jam donacintaj, ni atingis sufiĉe bonan rezultaton. La ricevita monsumo estas transdonata al la Internacia ruĝa kruco, post raporto de nia Delegito. Kvitanco aperos en nia proksima Nª.

ESPERANTO.

Tiu sumo jam estis transdonita al la loka komitato por helpado al Sicilianoj.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

### Internacia societo de la Esperantistaj Juristoj

**Nekrologio**

Nia societo jus havis grandan funebron: la 10ªⁿ de decembro mortis nia kara amiko kaj societano Georges Bottin, juĝisto ĉe la civila juĝejo, en Douai (Francujo). Ĉiuj memoras la artikolojn, de li subskribitajn, kiuj aperis dum la lastaj numeroj en tiu-ĉi ĵurnalo. Li ĝojis ĉeesti la kvaran kongreso kaj nian ĝeneralan kunvenon, kiam, subite, atakis lin la malsano de kiu li estis mortonta. Malgraŭ liaj suferoj, li ne ĉesis daŭrigi sian laboron pri nia teknika vortaro: « Esperanto estas mia lasta konsolo li diris kelkajn tagojn antaŭ el ekdormi por ĉiam.

Nia societo ploras ĉagrene S-ron Bottin kiel societano kaj kunlaboranto, same kiel viro kaj magistrato. Ĉie, ni ĉiam konservos la memoron de lia vivo kiel granda ekzemplo.

Ni respekte prezentas al Sinjorino Bottin kaj lia familio, niajn simpatiajn kondolencojn.

JURO. — Krom niaj artikoloj la redakcio de tiu ĵurnalo intencas publikigi konstantan rubrikon pri juro, kies celo estas konigi al la legantaro la novajn leĝojn, kiuj aperos en la diversaj landoj, kaj estos sufiĉe gravaj por interesi internacian publikon. Ni tute aprobas tiun ĉi intencon, kiun ni volas helpi. Tial ni tre insiste petas niajn societanojn, kiam aperos en ilia lando nova leĝo, bonvoli sendi al nia helpsekretario (S-ro Degon, Douai, Francujo) artikolon ne longan (10-20 linojn) resumantan la diritan leĝon. Kompreneble la kunlaborantoj povos elĉerpi la esencon de siaj artikoloj el la naciaj revuoj.

## ANONCETOJ

**TARIFO**

KORESPONDADO. — *Unu enskribiĝo : ₷ 0,30 (fr. 0,75). Rabato da 25 % por 6 enpresoj, kaj 50 % por 12 enpresoj.* — Pl = *poŝtkartoj ilustritaj* ; L = *leteroj* ; PM = *poŝtmarkoj*. *Niaj* abonantoj *rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj) : ₷ 0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj* abonantoj *rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ ta 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato au internaciaj poŝtkuponoj.

**Korespondado**

IDAHO SPRINGS (Color., U. S. A.). — D-ro James Underhill Pl.

BUKURESTO (Ruman.). Str I. C. Bratianu 5. S-ino Eufr. D-ro Robin; Pl.

SAN SÉBASTIAN (Hisp.). — S° P. Garcia Rista, str Bengoeĉea 4 Pl; Santo de Arri, str. Gerataria 10 (kun nefrancoj nek angloj); S° Blas Gomez, Redakcio de «Correo de Guipuzkoa» Pl; S° M. Urroz, str. Buen Pastor 63 Pl.

BARCELONA (Hisp.). — S° R. Rey, 555 Clot; S° Jaime Guillomia, Carretera de Mataro 300. Pl.

STRASIN. Post. Zihobec (Sušice, Bohem, Aŭstrio). — S° R. Kŭs, instruisto, Pl, L, diversa temoj.

NOGENT-S-MARNE (Seine, Franc.). — S° Matoré, 75, Grand Rue Pl.

PARIS (Franc.). — S° F. Granier, 130 Av. d'Italie, Pl; S° E. Girardin, 253 R. St-Denis Pl (k. nefrancoj).

BERCK-PLAGE (P. de C. Franc.). — S° R. Lefebvre, 60, R. Carnot, Pk (PM sur bildflanko).

ZERBST (Anhalt, Germ.). — M. Eckardt, Bahnhofstr. 24. Pl.

LIMOGES (Franc.). — S° Grezillier, Institut Turgot. Pl *(k. nefrancoj)*.

JICIN (Bohem, Aŭstrio). — S° I. Skrivanek, Pl, PM.

WIEN (Aŭstrio). — S° V. Jaros, III², Hornerstr 24 Pl.

PETERSBURG (Russie). — S° A. Treufeldt, Offizierstr 10, Log 24 (kun Gejunuloj) Pl. L.

SAN FRANCISCO (Cal. U. S. A.). — S-ino P. Grünhof, 1160 Webster St. Pl.

STINAVRE p. PTENI (Moravio, Aŭstrio). — S° A. Stratil, Prostejov. Pl, L, PM. Tuj resp.

SAMOS (Azia Turkujo). — S° K. Miliopulos, Port-Vathy, PM.

VILLENOY-MEAUX (S. & M. Franc.). S° G. Caillé, Pl.

St-HELENS (Angl.). — S° J. Alker, 83 Veasley Cross Lane. Pl. Ĉiam resp.

BRNO (Morav., Aŭstrio). — S° Fr. Vrtel, solnour. ul. Pl.

ROANNE (Franc.). — F-inoj M. Martin, rue du coq 4, kaj M. Capéré, r. Nationale 102. Pl (k. nefrancoj).

PRAHA II (Bohem, Aŭstrio). — S° O. Růžička, Taborska str 7 u pi koči, Pl, L.

MISTEK (Morav. Aŭstrio). — S° J. Kordač Pl, PM.

PYSZNIKA (Galic., Aŭstrio). — M. Burŝtin, Pl, L.

HARMANLI (Bulgar.). — S° Pavel Markov, Pl, L.

LANESTOZA (Viscaya, Hisp.). — S° F. Bilbao, Pk *(kun ekstereŭropanoj)*.

MEAUX (S & M, Franc.). — S° E. Perrier, 10, R. St-Nicolas, Pk, L.

PRAHA VIII (Bohem, Aŭstrio). — S° J. Pick, Liben, O.N.W.B. Pl. PM.

KIOTO (Japan.). S° Suke Yamasaki, imperiestra Universitato, Pl.

**Petoj kaj proponoj**

Ĉefkompostisto germanlingva, lerta kaj diligenta, gravuristo, kaŭterizisto, stenografiisto, perf. esp. *serĉas aficon*. Proponojn sub: Ĉefkompostisto 37°, Postlagernd, Eisleben, German.

Modesta ofico en franclingva urbo, estas serĉata de juna komercisto, kiu konas esp., anglan kaj germanan lingvojn; bonegaj atestoj, 4 jarojn en komercejo de Riesa (Saks.), 6 jarojn en Japana firmo. Sin turni al « Esperanto », Genève, Svis

Specialaj markoj. — S-ro T. Geisselveiter, Lomnicen (Bohemujo, Aŭstrio) kolektas kaj aĉetas specialajn markojn eldonitajn pro diversaj manifestoj: ekspozicioj, ekflugo de aerŝipoj, k. t. p.

Korespondado. — S-ro J. Neugebauer, hospitala oficisto, Prostejor Moravia (Aŭstrio), Urednix verejne nemocnice, dez. interŝ. Pl, L kaj gazetojn. koresp. germ., bohem, pole, ruse, france, esper.

Poŝtkart-Kolektantoj! Amikoj de aerveturado! *Serio de Zeppelin* kontraŭ ₷ 0,40 (Fr. 1; Mk 0,80; 10 d) en poŝtmarkoj. Wolf & Haag, Zwingerstr, 12, Heidelberg (Baden-Germanujo).

Kelnero. — 19 jara jun., parol. la franc., germ. & esp. lingvojn, *serĉas*, por lerni la anglan, *oficon* en Anglujo, kiel kelnero en hotelo aŭ privata domo. Proponoj al S-ro Migranto, Esp-Of, Bahnhofstr. Aachen (Germ.),

« Tra la Mondo », nos 10 kaj 11 de 1ª jaro (aprilo-majo 1906) deziras aĉeti Pro Louis Bousquet, en Aubusson (Creuse, Franc.). Kompense, li sendos mult. malnov. ekzempl. de l'Esperantiste aŭ de aliaj gazetoj.

Ofico. — S-ro P. Clemares, str Tantavantanas, Barcelona (Hisp.) serĉas of. de kudristo aŭ ledisto en fabriko aŭ magazeno de ŝuoj en *Caracas* aŭ Ĉilio-Bone konas la komercon. Proponoj al supra adreso.

Terkulturo. — Rumanujo, Bukuresto, str I. C. Bratianu, 5. S-ro E. Stanesen, kun honora diplomo de la supera terkultura lernejo (Bukareŝto), deziras pasigi provtempon por [praktikado en ia biena farmejo en norda aŭstrio aŭ Germanujo. Petas pri kondiĉoj.

Portreto de D-ro Zamenhof estos sendata kontraŭ ilus. Pk. A. Thonney, 8, R. du Tunnel, Lausanne (Svis.).

Paperajn pokaletojn kun esper, surpresajo dissendas afranke la Esp-Of de Gera (Rh) Geom: 3 ope: 10 sd; 10 ope: 30 pd; 100 ope: 2,25 ₷.

Junula interŝanĝo. — S-ro A. Smoral, Jevičko (Morav. Aŭstrio) deziras sendi sian 17 jaran filon, dum la someraj libertempoj (15 julio-15 aŭgusto) en urbon de Francujo aŭ svisujo; li prenos kontraŭe samaĝan knabon.

Humoraj ĵurnaloj. — R. Pissaro, 14 rue Girardon, Paris. Deziras germanan korespondanton kiu sendos al li ĉiumonate « Lustige Blatter'n kun esperanta traduko sub ĉefaj bildoj. Li sendos sammaniere francan humoran gazeton.

Lernantoj! T-ro Evrot, prof. Liceo, Limoges (Francujo) petas jun. lernant. (nefranc.) ke ili priskribu letere unu tagon de sia lernvivado. Dankos per bel, il. psk.

Korespondado. — S-ro A. Dernange, Ecole d'Arts et Métiers d-Aix (Franc.) dez. koresp. kun gesam. de la tuta mondo, precipe kun loĝantaj en industriaj regionoj.

Angloj kaj Francoj kiuj volonte koresp. per ilust. pk en *nacia lingvo* estas petataj ekrilati kun S-ro P. Hanel, 7. Reichelstr, Leipzig (Germ.).

Ilustr. Postk. volonte interŝanĝus kun ĉiuj alilandanoj S-ro Sehteicher, Gartenstrasse 1, Leipzig-Schonefeld (Germ.). Ĉiam respondos



*Le Gérant* : L. ROYER.
Imprimerie X. DEVICHI, Chalon-s-S[aône]

# Esperanto-Movado

LA KVINA KONGRESO.

Niaj hispanaj amikoj multe laboras por plena sukceso de Kongreso en Barcelono. La vojaĝo, loĝado kaj manĝado estos kiom eble malkaraj. Prezoj rabataj por la kongresanoj vojaĝantaj tra Francujo kaj Hispanujo. La hotelestroj en Barcelono estas favoraj al ni kaj la loka komitato interkonsentis kun ili, ke la prezoj ne estu altaj por la kongresanoj. Nepostulemaj samideanoj povos haviv pro 2 ₷ por tago: matenmanĝon je la 7ª aŭ 8ª, tagmanĝon je tagmezo kaj vespermanĝon je la sepa vespere kaj dormoĉambron. Estos ankaŭ pli altaj prezoj; la diferenco estos precipe en la komforteco kaj eleganteco de dormoĉambroj. Al ĉiu kongresano estos donacita kongresa libro, belega kaj interesplena memoraĵo pri la urbego Barcelono, se oni pagos sian kongreskarton (5 ₷ proksimume) antaŭ la 1ª de Julio. Ĉar la nuna kongreslando ne eniris la poŝtan unuiĝon kaj ne ekzistas internaciaj poŝtmandatoj inter Hispanujo kaj ceteraj landoj la redakcio de « *La Revuo* » en Parizo, konsente kun la loka kongresa komitato, akceptos enkasigi la monon por la kongreso. En « *La Revuo* » baldaŭ aperos la specialaj *enskrib-folioj* kun la nomoj de pagitaj kongreskartoj.

La Urbestraro de Barcelono, kvankam ĝiaj konsilanoj apartenas al plej diversaj politikaj opinioj, tamen estas tute unuanime favora al nia esperanta movado kaj espereble reale partoprenos en la arangado de kongreso.

La Prézidanto de *Universala Esper. Asocio*, la agema H. Bolingbroke Mudie nun interrilatas kun gravaj Britaj ŝipkompanioj pri speciala ŝipeĝo por fari vojaĝon al kongresurbo. Tiu vaporŝipo haltos en Cherbourg (por kolekti francajn kongresanojn), Lisabono, Tanĝero, Gilbraltaro, Alĝero ĝis Barcelono. Tiu vojaĝo okupos dek unu tagojn. Tiu ĉi entrepreno precipe interesos britajn, danajn, holandajn, belgajn kaj francajn esperantistojn, ankaŭ usonajn. Bedaŭrinde ne ĉiuj el ili povos partopreni en tiu interesega karavano pro verŝajna troa kosto kaj manko da tempo.

La kongresa komitato okupas sin ankaŭ pri la *postkongresaj ekskursoj* tra la kongreslando tiom pitoreska kaj vidinda. La neforgeseblaj tagoj plenaj da plezuregoj, alta spirita intereso kaj entuziasmo dum la antaŭaj kongresoj sendube instigos niajn samideanojn denove kolektiĝi en Barcelono. Do kiu ankoraŭ neniam vizitis niajn ĝisnunajn kongresojn, penu ĉiel por ne preterlasi la nunan okazon ĝuadi tiujn ĉi memorindajn tagojn kaj interesegajn vojaĝojn.

PROPAGANDO.

*Britujo.* En tiu ĉi lando Esperanto konstante normale progresas. En tre multaj regionoj de urbego Londono ageme laboras niaj samideanoj. En Buckhurst Hill la 5ªⁿ de Januaro estis aranĝita amika vesperfesto; ĉiumarde kurso; en Catford-parolado de G. Haythornthwaite; en Hig Holborn, Muswel Hill, North London «Clarion» kaj Centra Londono-konstantaj kursoj elementaj kaj superaj; ĉie regulaj kunvenoj kaj oftaj vesperfestoj, koncertoj, publikaj paroladoj (de konata D-ro John Pollen, S-ro Elliott kaj aliaj) Same en la provincoj: Bolton, Bournemouth, Colchester, Coventry, Herben Bridge, Leeds kaj en multaj aliaj urboj de Britujo, kiujn ni ne povas eĉ citi pro manko da loko Multaj lokaj gazetoj ofte parolas favore pri Esperanto, kelkaj enhavas esperantajn kolonojn. Notinde estas, ke en la infana kooperativa monata ĵurnalo « *Our Circle* » aperas lecionoj kun ekzercoj Annie H. Perry: ŝi verkas rakontetojn, kiuj estas presataj kun ilustraĵoj kaj tradukoj. Skotlando ankaŭ ne restas malentaŭe: la propagando en Edinburgo (granda kurso de Bontemplanoj en la Nelson'a Instituto, kurso inter socialistoj; paroladoj de S-roj Warden kaj Page en la Hebrea Literatura Societo; Esperanto-balo), Glasgovo, Leith, Perth (vesperfesto, elementa kaj supera kursoj, la Socialista Esperantista Grupo) k. cet. En Middlesbrough estis elektita kiel prezidanto de Federacio de nordaj provincoj la direktoro de Teĥnika kolegio S-ro J.-A. Jones, antaŭ diras vastan sukceson al Esperanto Fondiĝis nova « Esperantista Societo de Bombejo ».

*Belgujo.* Niaj belgaj fidelaj samideanoj ricevas multajn gratulojn okaze de apero nova ĵurnalo « *Belga Esperantisto* » kiu anstataŭos por ili, la idiĝintan «*Belgan Sonorilon*». Multaj niaj ŝatataj unuavicaj agantoj: generalo H. Sebert, Ph. Cart, A. Grabowski, J. Borel, E. Ĉefeĉ, Rosa Junck, John Ellis, kaj aliaj sendis al la redakcio de Belga Esperantisto siliajn bondezirojn. Ankaŭ ni sendas al nia nova kunfrato nian gratulon kaj deziron silentigi la false eksonintan «*Belgan Sonorilon*». Ni tion esperu! La «*Belga Ligo Esperantista*» elektis kiel Honoran Membron la Urbestron de Antverpeno, Skabenon de Publika Instruado D-ron V. Desguin, kiu per tre afabla letero akceptis la titolon, kore dankis kaj esprimis lian atenton favoran al nia movado. Ni plezure povas noti la konstantan progresadon de Esperanto en *Antverpeno* (instruado laŭ Gouin'a metodo, virinaj kursoj, gvidataj de S-ino Claessens kaj F-ino Eug. Gunzburg, kunvenoj en *Taverne Royale* kaj en la kafejo *Zamenhof*; *en Berchem* (parolado de S-ro advokato Van Dieren, kursoj por la Ruĝkrucanoj gvid. de S-ro Jer. Van Laere kaj alia kurso por grupanoj gvid. de S-ro A. Havermans) *en Bruselo* (en Instituto S-ta Ludoviko studentoj starigis novan grupon «*La Zamenhof*», *en Mehleno* nia estimata samideano S-ro Abato Richardson faris sukcesan paroladon en la ĉeesto de Lia kardinala Moŝto S-ro Mercier, ĉefepiskopo kaj de profesoroj kaj studentoj de ambaŭ seminarioj. La oratoro faris grandan impreson kaj ricevis tutkorajn gratulojn de Lia Kardinala Moŝto, S-ro Richardson estis invitita de eminenta prelato ripeti baldaŭ lian paroladon por la studentoj de la *Granda Seminario*. Sukcese iradas ankaŭ la propagando en Gento (Neŭtra Moresneto-Amikejo) kaj Verviers.

*Germanujo.* Sendube la IVª Kongreso en Dresdeno multe larĝigis la movadon en tiu ĉi lando. Ni bezonus tro multe da tempo kaj kolonoj por detale priskribi la konstantan kreskadon de Esperanto en Germanujo, kiu nun kvazaŭ rapidas kompensi la tro malfruan, por tia grava lando aliĝon al nia tutmonda homara afero.

En Berlino estas malfermitaj kelkaj kvartalaj subgrupoj kaj fakaj sekcioj. publikaj paroladoj kaj malfermitaj novaj kursoj en diversaj partoj de l'urbo, interalie en la centro (S-ro Kohler), *Schoneberg* (D-ro Küppers) *Grunewald* (S-ro Schuhmacher), *Weissensee* (S-ro Wichert), *Charlottenburg* (S-ro Sprotte), *Oriento* (D-ro Marchand). Specialaj fakoj: grupo de T. E. K. A. *(Tutmonda Esperantista kuracista Asocio* dank'al senlaca laboro de D-roj Küppers kaj Breiger); en *La kristana Unniĝo de Junaj Viroj* dank'al S-ro Anding. Ĉiutage ie ajn estas unu aŭ kelkaj kursoj de ekzercado, gvidataj de tre fervoraj kaj kompetentaj instruantoj. En tre multaj urboj dum lasta tempo estis faritaj publikaj paroladoj (Allenstein. Aue, Augsburg, Gothen, Danzig, Hanaŭ A. M. Insterburg, Kolmar, Limbach, Nordhausen, Stuttgard, Taŭcha kaj aliaj, kiujn sekvas novaj kursoj sufiĉe nombraj kaj gvidataj plimulte de profesiaj instruistoj; kursoj ekzistas ankaŭ en tre multaj aliaj urb[oj] en Strasburg por flegistinoj de *Ruĝa kru[co]* gvid de F-ino Ch. Pulvers, speciale por in[s]truistoj de S-ro Baŭchen Zwickaŭ. S-ro Patz[e] en Obergrund gvidas nun naŭ kursojn, kelk[aj] kursoj en Lŭbeek k, c. Estis ankaŭ vesp[er]festoj, koncertoj kaj propagandaj ekspozicio[j] en diversaj urboj. Favore parolis pri Esp[e]ranto multaj germanaj gazetoj, interalie [la] medicinaj pri T. E. K. A., en «*Das Polytec[h]nikum*» pri grava rolo de nia lingvo en teĥ[ni]ko kaj speciale por inĝenieroj, en «*Der ka[uf]mann*» por komercistaro. Lasta gazeto decid[is] dediĉi apartan rubrikon al Esperanto, ki[un] redaktadon akceptis S-ro Heller; en «Neŭ[e] W. Tageblatt» pri la granda signifo de Esp[e]ranto por la vojaĝantoj.

*Rusujo.* En tiu ĉi grandega lando, kie na[s]kiĝis nia kara lingvo nun malfeliĉe restas m[al]antaŭe en ĝia progresado pro la politik[a] stato. En multaj urboj la regìstaro ofte m[al]permesas malfermon de esperantistaj societ[ojn] kaj ĵurnalon. Ĉe tiaj kondiĉoj oni ne pov[as] multe fari. La agantoj de unua rusa esperan[]tista societo en la ĉefurbo Peterburgo du[m] preskaŭ dudek jaroj ne donis kontentiga[jn] rezultatojn eĉ dum la tempoj pli favoraj [ol] nun. Tial ni povas ĝoji, ke nun la gvidrolo [de] nia afero en Rusujo transiris en la manojn [de] niaj samideanoj de la dua rusa ĉefurbo Mosk[vo]. Oni povas konstati kun plezuro, ke tieaj ni[aj] amikoj estas pli agemaj, pli energiaj kaj ma[l]graŭ malfavoraj kondiĉoj de la lando p[li] serioze kaj pli fortike starigas tie la afero[n] kaj ni povas esti nur kontentaj, ke de nu[n] Moskvo fariĝas la ĉefa centro de Esperant[a] movado en Rusujo. Alian fojon ni parolos p[ri] la faktoj.

Pro manko da spaco ni nun devas anka[ŭ] prokrasti la esperantan kronikon en alia[j] landoj.

D-ro J. OSTROVSKI.

## Fervojoj de Paris-Lyon-Méditerranée

VINTRO 1908-1909

Rapidaj rilatoj inter Paris kaj Hispanujo

IRO :

| | 1ª kl. | 1ª, 2ª, 3ª kl. | 1ª kl. |
|---|---|---|---|
| Deiro de Parizo | 9 h. 10 m. | 7 h. 27 v. | 9 h. 15 v. |
| Alveno en Barcelono (1) | 7 h. 53 m. | 7 h. 26 v. | |
| | R. V. Paris-Dijon. R. V. Lyon-Avignon. | S. L. Paris-Port-Bou. | |

REIRO :

| | 1ª, 2ª, 3ª kl. | 1ª kl. | 1ª, 2ª kl. |
|---|---|---|---|
| Deiro de Barcelono (1) | 5 h. m. | 9 h. 40 m. | 6 h. 46 v. |
| Alveno en Parizo | 10 h. 30 m. | 7 h. 50 v. | 6 h. 10 v. |
| | | S. L. Cerbère ĝis Parizo. | F. L. de Cerbère ĝis Parizo. |

(1) H. E. O.

**Luksa vagonaro « Barcelono-Ekspress » (L.-V, R.)**

tra TARASCON-CETTE

— Nombro de lokoj limigita. —

| | | | |
|---|---|---|---|
| Deiro de Parizo | merkrede, sabate | je | 7 h. 20 v. |
| Alveno en Barcelono | ĵaŭde, dimanĉe | je | 2 h. 55 v. (H. E. O.) |
| Deiro de Barcelono | lunde, vendrede | je | 3 h. 30 v. (H. E. O.) |
| Alveno en Parizo | marde, sabate | je | 10 h. 40 m. |



Imprimerie X. DEVICHI, Chalon-s-S.

*Le Gérant* : L. ROYER.